VIª jaro. — Nº 82 Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) 20 Julio 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*

ABONO

Jara Abono . . . . . . . . . . . . . . 1,60 $ (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

Redaktejo & Administrejo : *10, rue de la Bourse*, GENÈVE (Svisujo).



## Dum la lasta duonmonato

**Laŭ statistiko de la Esperantista Centra Oficejo, la nombro de la Esperantaj libroj sesobliĝis dum 1909.**

**Estas anoncata esperantista ekskurso al Danujo kaj Svedujo sub la aŭspicioj de U. E. A.**

**Oni finas la lastajn preparojn por la kongresoj en Augsburg, Washington kaj la esperanta festsemajno en Bruxelles.**

## AL NIAJ LEGANTOJ

**Ni informas niajn legantojn, ke — pro la Kongreso de U. E. A. en Augsburg okazanta ĝuste je tiu dato — la Nº de la 5ª de Aŭgusto ne aperos. La proksima Nº aperos do la 20ª de Aŭgusto je ses paĝoj, kun plena raporto pri la Augsburgaj Kongresoj, Bruselaj festoj, k. t. p.**

## SOMERA LABORO

La Esperantaj kursoj finiĝis, la grupoj plejparte ĉesis kunveni, la paroladistoj libertempas : en plena ripozo ŝajnas la Esperantista agado. Neeviteblaj rezultatoj de la somero. Tamen tiu tute erarus, kiu fidante je la ŝajnoj de trankvilegeco de la loka movado, konkludus, ke ĉiu laboro ĉesis kaj venis la tempo por forgesi Esperantismon ĝis la aŭtunaj tagoj. Por forigi tiun danĝeran iluzion, sufiĉas legi la aliajn paĝojn de ĉi tiu jurnalo. El tiu legado oni konstatos, ke se ĝi havas alian karakteron, la somera laboro ne estas malpli aktiva ol la vintra : Unua Kongreso de U. E. A. en Augsburg je la fino de Julio, Germana Esperanto-Kongreso kaj Kongreso de T. E. K. A. samloke kaj samepoke, Esperanta Festsemajno en Bruselo, sesa Universala Kongreso en Washingtono, alia Esperantista Kongreso en Kopenhag, vojaĝo en Svedujo, ne parolante pri multaj regionaj festoj kaj kunvenoj, atestas ke neniam pli ol nun sentiĝas la vivopleneco de nia movado.

Komprenigi la utilecon de tiuj diversaj manifestacioj estas superflua tasko. Ili estas la natura kaj efika sankcio de la vintraj kursoj kaj kunvenoj. Dum ĉi tiuj kunigis nur samurbanojn, la unuaj kontaktigas diversnaciajn, trudas la uzon de Esperanto, faras el ĝi vere vivantan lingvon anstataŭ ekzerca lingvo; per ili, pliproksimiĝas la rilatoj inter samideanoj kaj pligrandiĝas la alloga potenco de Esperantismo.

Por ni, Esperantianoj, la somera agado, krom la supraj okazoj de reciproka amikiĝo konformaj al nia idealo, alportas al ni devojn, kiujn ni ne devas flankelasi. Ĉu ni veturos Augsburgon aŭ Usonon, ĉu Svedujon aŭ Belgujon, nia devo estas klare formulebla : en ĉiuj okazoj ni uzu la servojn de U. E. A. Certe ne mankos tiuj okazoj kiam la bezono devigas nin uzi ilin, sed ni tro ofte devas konstati, ke pluraj vojaĝantaj Esperantianoj ne uzas nian Asocion ĉiufoje kiam ili povus; iuj forgesas kunpreni sian jarlibron kaj membrokarton; aliaj haltante en Delegit.-urbo, aŭ ne vizitas la Delegiton, aŭ vizitas la prezidanton de la Grupo Esperantista... por peti vojaĝajn informojn; aliaj, anstataŭ simple skribi al niaj reprezentantoj por havi informojn, faras multe da klopodoj ĉe vojaĝagentejoj. Kion diri pri la Esperantianoj vojaĝantaj sen la insigno? Malgraŭ ĉiuj alvokoj, ili restas ankoraŭ tro multaj. Normala Esperantiano ne devas ekvojaĝi sen sia jarlibro, sia membrokarto, kolekto de gvidfolioj kaj — oni permesu tiun senpagan reklamon — sen nia jurnalo, tre taŭga kaj ofte uzata propagandilo dum vojaĝo. Ŝlosiloj de Ĉefeĉ, nacilingvaj broŝuroj kompletigos tiun facile enpoŝigeblan materialon, kiu devas akompani ĉiun Esperantianon, kiu deziras la prosperecon de sia Asocio.

Konsiderante la relative grandan nombron de la vojaĝantoj Esperantistaj, kiuj dismigrados dum tiu somero, ĉiu facile konvinkiĝos pri la helpo, kiun ili povas alporti al nia afero, se ĉiu el ili plenumas sian devon — kondiĉo tiom pli facile realigebla, ke ĉi tie la devo koincidas kun la propra intereso.

La supraj rimarkoj povas ŝajni kaj efektive estas malnovaj. Ilia plena apliko sole povas kaŭzi, ke ili ne plu estos ripetataj.

H. H.

## SOCIA VIVO

### JURO

**La fervojoj en Italujo. Konsekvencoj de ilia ŝtatigo (1).**

Oni scias, ke la fervojoj Italaj, antaŭe apartenajo de diversaj kompanioj, estis reaĉetitaj de la ŝtato. Tio ĉi estis peza heredajo, ĉar unu el la tiuj kompanioj estis en plena malorganizo kaj aliaj, sub la minaco de l'reaĉeto, estis malbone prizorgintaj la materialon. Komence, la oficistaro estis nur duonkontenta pri la nova leĝaro. La publiko pli kaj pli plendis pro la prokrasto de l'vagonaroj kaj malpura stato de la vagonoj, precipe triaklasaj, kien la pluvo kaj akra fumo sinsekve penetradis tra la muroj. La lokomotivoj kaj negocvagonoj mankis ĝuste kiam pliprosperis la komerco kaj industrio : tiu manko estis precipe sentebla dum la Milana Ekspozicio de 1906. Resume, de 1906 ĝis 1907, la Italaj fervojoj suferis veran krizon, pligravigitan de la neeviteblaj malfacilajoj sekve de ŝanĝo de ekspluatistaro.

Nuntempe, la plej malfacila periodo pasis; la krizo esti forigita, dank'al la energiaj penoj de la fervojarestro kaj ministroj de publikaj laboroj, kiuj kun la helpo de agemaj spertaj kunlaborantoj, senteble plibonigis la malfacilan situacion lasitan al ili.

La ministraro Fortis (1905-1906) kredis, ke ĝi povas rezervi la mendojn de materialo al la industrio Itala kaj intencis kontentigi la plej urĝajn bezonojn per kredito da 40.200.000 Sm., sed oni devis ne nur aĉeti novajn vagonojn kaj lokomotivojn, sed ankaŭ plene rekonstrui stacidomojn. La Parlamento voĉdonis prunton da 600 milionoj da Sm. Nur en 1908, 6.000 vagonoj estis menditaj, el pluraj landoj por ke la livero estu pli rapida. En la sama momento, novaj unuaklasaj vagonoj, luksegaj, estis inaŭguritaj ĉe la linio Romo-Napolo. La lastaj vagonoj de dua kaj tria klaso estas kontentigaj. Novaj lokomotivoj de Germana konstruo estis liveritaj : unu sola maŝino permesas treni 15 vagonojn ĉe la plej fortaj deklivoj, dum antaŭe du estis necesaj. Tial malaperis unu el la ĉefaj kaŭzoj de prokrasto, kiu tre senteble malgrandiĝis.

La ŝtata administro penis diversrilate kontentigi la publikon. La transporto de la negocajoj estas pli regula kaj la manko de vagonoj malpli sentebla.

Por la vojaĝantoj diversaj plibonigoj estis realigitaj. La kilometra tarifo estas 0,048 Sm. en Iª kl., 0,033 Sm. en IIª kl. kaj 0,022 Sm. en IIIª kl. Sed por la longaj trajektoj oni aplikas pli malkaran tarifon. En la Sudo, oni kreis, kiel en Germanujo, kvarajn klasojn kun tre rabatita prezo kaj abonoj, kiuj permesas al kamplaboristoj loĝantaj en la urbo iri al sia laboro. La turistoj povas havi malkarajn abonojn por grandaj regionoj, laŭ la svisa modelo. La biletoj de iro-reiro mallonge daŭras sed konsentas rabaton da 20 ĝis 35 0/0. Fine, oni inaŭguris lertan sistemon de rabatbiletoj por la ĉefurbo. Je certaj epokoj, specialaj ir- reiraj biletoj por Romo estas riceveblaj kun rabato da 75 0/0 kaj daŭro da 15 tagoj. Oni per tio esperas stimuli la vojaĝemecon de la Italoj, konigi al ili Romon kaj ĉe ĉiuj pligrandigi la amon al la patrujo simbolata de la Eterna Urbo. Oni ankaŭ celis favori la komercon de Roma, kie la vivo multe plikariĝis la lastajn jarojn.

La biletkontrolo estas farata ĉe la enkaj eliro de la stacidomoj kaj en la vagonoj, sed, kvankam ĝia edukado pliboniĝas, la publiko, precipe triaklasa, ne ĉiam helpas la administron : la « ne fumu » aŭ « ne kraĉu » restas tro ofte litero morta.

La situacio de la fervojistoj estas ankaŭ pli bona. Tri milionoj da Sm. estis voĉdonitaj por la plialtigo de la salajroj de l'fervojistoj. Ĝi estas ankoraŭ tro malmulte (1). La estontaj profitoj esperigas la eblecon de nova plibonigo. Sed precipe la fervojisto vidis la pliboniĝon de sia morala situacio : nun ŝtatoficisto, ĝuante seriozajn garantiojn, li estas pli bone konsiderata kaj ne plu devas, kiel antaŭe, humiliĝi antaŭ la klientoj de la kompanioj. Se li ĉiam estas ĝentila al ĉiuj, li scios laŭbezone komprenigi, ke li ne estas la servisto de la vojaĝantoj. Tiuj ĉi cetere konscias pri tiu nuanco kaj la transformo realigita.

Kiel oni vidas la ŝtata ekspluatado, venanta post sufiĉe malbona privata ekspluatado, jam donis en Italujo bonajn rezultatojn. Sed oni ne devas forgesi, ke la ekstreme favora financa stato de la regno permesis et porti la pezajn ŝarĝojn de la reaĉeto.

E. M.

(1) *Les Annales de la Régie directe.*

(1) La salajroj de la malaltaj oficistoj, por tre klopodiga servo, estas ofte ridindaj. La relŝanĝistoj komence ricevas tage 72 Sd. La plikarigo de la vivo montras la urĝecon de la salajraltigo : grava problemo, ĉar la malkontentiĝo de la oficistaro kreskas.

**El la rumana parlamentagado. — La leĝo por la dimanĉa ripozo.**

Dum la lasta kunsido de l'rumana parlamento, la de longe dezirita leĝo por la dimanĉo ripozo fine estis voĉdonita.

Forpasis ĝuste, dudek jaroj kiam la komercaj helpantoj, sin organizante en iu societo komencis agitadi por akiri semajnan libertagon. Komence, ĉar estis taksita kiel utopio, ilia justa postulo, oni devis multege labori por veki la konscion de ĉiuj komercaj helpantoj kaj batali kune por ilia idealo. Parte ĝi efektiviĝis per la leĝo de 1897 kies aŭtoro, unu el la plej demokrataj personoj kiuj ekzistis, P. L. Aurelian, restos por ĉiam en la memoro de la rumanaj komercaj helpantoj. Laŭ ĝi oni malpermesis la laboron en komercaj kaj industriaj institucioj, dimanĉe de 12 h. ĝis lundo matene kaj dum la tuta tago de diversaj festotagoj, escepte restoracioj, apotekoj, alkoholvendejoj, k. a.

Kvankam grandparte kaj precipe komence, ĝi ne estis sorioze respektita, ĝi alportis bonajn rezultatojn konstateblajn per starigo, de vesperaj kursoj por plenaĝuloj, konferencoj, ekskursoj tra la lando, ebligantaj al la partoprenintoj koni sian propran patrujon, ĉar ili ĝis tiam ne konis alion ol la magazenon kie ili devis labori de frumatene ĝis nokte malfrue. Sed oni sentis la necesecon de unu tutan tago kaj baldaŭ ili komencis agitadi por akiri ankaŭ la alian duontagon, alie jam promesitan. Ĉe tiu batalado partoprenis ne nur la komercaj helpantoj sed ankaŭ multaj kemercistoj kiuj konvinkiĝis ke tia leĝo nepre estas necesa ne nur por iliaj dungitoj sed ankaŭ por ili mem.

La kongreso de la komercaj ĉambroj en 1906 diskutinte tiun demandon, voĉdonis por la dimanĉa ripozleĝo por tuta tago. Multaj grandaj komercistoj diversfakaj, antaŭ tri jaroj laŭ sia propa iniciato, interkonsente decidis fermi la magazenojn la tutan dimanĉon somere kaj poste aliaj postulis la avizon de la komercaj ĉambroj por ke iliaj magazenoj estu fermataj dimanĉe dum la tuta jaro.

Spite ĉiuj tiuj deziresprimoj por ke tiu leĝo efektiviĝu, ĝi restis tamen ne voĉdonita ĝis nun.

Dum tiu lasta kunsido post senĉesaj prokrastoj kiam la batalantoj preskaŭ malesperiĝis la deputitoj voĉdonis ĝin; ĝi restis plenentuziasme salutita.

La entuziasmo de ĉiuj, komercistoj kaj oficistoj estis grandega je la 19 Aprilo kiam voĉdonis ĝin ankaŭ la senato. Grandega amaso da batalantoj, kiujn la publikaj tribunoj ne plu povis enhavi, atendis sur strato por aŭdi la rezultaton. Ĉe eliro, eksplodegis krioj de ĝojo kaj la komerca ministro, S-ro M. Orleanu, kaj la senatanoj estis entuziasme salutitaj.

Per tiu leĝo, oni malpermesas la laboron en la privataj komercaj kaj industriaj institucioj, dimanĉe kaj dum aliaj 12 festotagoj komence de 6 h. matene ĝis lundo samakore kun kelkaj esceptoj :

Notinda estas la rolo kiun ludis la asocio de la komercaj helpantoj, la plej forta faka organizajo de Rumanujo kun 29 filioj kiu senĉese penadis kaj alvoki ĉe komuna batalo ĉiujn aliajn organizajojn pli malfortaj. Per sia sindona prezidanto, S-ro Gheorghiu, ĝi sukcesis per grandaj kunvenoj kaj penadoj ke ne nur en Bukureŝt'o sed ankaŭ en la provincurboj, tiu leĝo estu efektivigita. Ĝi organizis ĝis nun kvar grandajn kongresojn por plibonigi la staton de la rumanaj komercaj helpantoj. Nun ĝi sin proponas aliajn novajn reformojn tiu cele.

La lernejo por la plenaĝuloj kiun ĝi fondis en 1896 bone progresas. Dum tiu jaro per la klopodado de la subskribinto kaj bonvoleco de S-ro Gheorghiu, estis enkondukita ankaŭ Esperanto kiel oficiala kurso.

E. I. Nicolau. (Del. Bukareŝt)
Prez. de la Esp. Kom. oficist. societo.

## GEOGRAFIO

**Preter la civilizejo : La Brazilaj indiĝenoj**

Je nemultaj mejloj de l'pajldometo kie mi dormis tiun nokton, rivereto marĉa markas la limon de la kampoj de brutedukado. Je la unuaj pluvoj ĝi larĝegiĝis, formante vastan lagon kie la anasoj kunvokas siajn bruantajn parlamentojn. Je sektempo, oni povas transpasi, jen naĝe, jen ĉevalvade, sed neniu sin riskas tra tiuj montoj foren, misteraj vastejoj plenaj je nesuspekteblaj danĝeroj. Plie, en la altaj herbejoj, glitas la tremiga kapo triangula de l'boao monstra, kulpa je malapero ne malofta de malfeliĉa bovido aŭ de nesingardema muleto. Trans la rivero, estas vidataj kampoj larĝaj, arbejetoj izolataj kiel insuloj, kaj senfinaj marĉoj el kiuj leviĝas, eleganta, la superba *mauritia*.

Malproksime, je l'rando de l'horizonto, montaro ekaperas. Tie loĝas, oni diras, gentoj de indiĝenoj forkurintaj de l'frenezo mortiga de la rikoltistoj de suko de mangabo. Antikve ili venis ĝis la riverego, kunportante vakson kaj mielon abelan, kiun ili interŝanĝis kontraŭ rozarioj kaj perlokoraloj je profito de la *maskatoj*, kiuj malsupreniras la riveron boate. Sed nun, post mortigoj pri kiuj la historio neniam estos farata senpartie, ili retroiris malproksimen, kaj jam ne « donas parolon » al la blankuloj, nek eĉ al la indiĝenoj aligentaj kiuj kuraĝos iri el ili. Antaŭ ol vidi ilin, jam aŭdiĝas zumantaj en aero iliaj longaj sagoj kun pinto el *tucum* nigra sen harpuno, sagoj de ĉasistoj kaj batalistoj. Kiam ili foriras, ili ekbruligas la arbaron, kaj de malproksime vidiĝas altaj kolonoj el fumajo nigra, leviĝantaj en l'aero kvieta kiel funebra signo de malamikeco.

Al kiu doni la kulpon ? por iuj, la arbarano estas sangavida besto kun homa vizaĝo kiun oni devas neniigi per ĉiuj rimedoj, eĉ veneno; por aliaj, li estas la enkorpiĝo de ĉiaj virtoj, estajo natura, ankoraŭ ne malbonigita de la civilizeco, kaj la sola kulpulo estas la kruela kaj avida koloniiganto, kiu venas itin malvirtigi kaj mortigi.

Tre certe la popolaro « civilizata » kiu senpere estas je kontakto de l'indiĝeno, ne konsistas el la elektitaro de la homaro. Sed, je tiuj solejoj, la valortabelo, de Nietzsche, aŭ pli klare la takso de l'faktoj estas ja malsimila de tiu kiun ni kutimas. El la homoj kiuj ĉirkaŭas min je tiu ĉi momento, personoj je aspekto fidinda kaj al kiuj mi sufiĉe konfidas, neniu havas manojn purajn je homa sango. Tiu, nun maljuna, estis *kuraĝulo* kiu faligis, ponarde aŭ pafe, pli ol unu kontraŭulon; tiu ĉi juna mortigis la edzinon; tiu alia ankaŭ, kaj plie filetton deksesjaran; la malplej kulpa estas tiu grasulo je aspekto bonaĉa : li nur... kastrigis bofilon kiu, ne satigita de la filino, fuŝis la nevinojn. Kutimanta fari la saman operacion pri centoj da bovidoj kaj ĉevalidoj, li ne havis malfacilon ĝin efektivigi — kun plena sukceso — je la malfeliĉa malvirtulo. Same, la kruelaj bezonoj de la ĉaso kaj de brutomortigado, kutimigas je vido de sango kaj ideo de morto. Mi, kiu timis pafi kolombon, mortigas sovaĝajn porkojn per bastono kaj, kiam oni buĉas bruton, mi mem iras detranĉi, kun sango ĝis la kubuto, la pecon da lumbaĵo, kiun mi volas kuiri por mi. En Svislando, regiono de ekstrema kaj delikata civilizeco, mi estis vegetarano : ĉi tie mi estas fariĝanta buĉisto. Nu, se la medio tian influon havas sur min, deterministo konvinkita, kaj tial pli libera kontraŭ la cirkonstancojn ol tiuj, kiuj havas la iluzion de liberarbitrebleco, kia do estos tiu influo sur homojn kiuj blinde sin liveras al ĝi, je tuta nekapableco sin analizi kaj kontroli siajn sentimentojn ?

Al tiuj kialoj aldonu nemezuritan porcion da brando 30 kaj pligrada kaj vi havos la rezultaton : krueleco naive sangavida kaj plena malŝato de l'homa vivo. Okazis krimo? neniu sin okupas denunci ĝin, kaj la distrikta juĝisto malpli ol iu ajn, pro kialo persona kaj tre komprenebla.

Se tiel ŝatata estas la vivo de « Kristanoj » nigraj, mulataj aŭ blankaj (ĉi tiuj apenaŭ 10 0/0) kio estos pri la vivo de l'indiĝeno? Junulo je aspekto simpatia rakontis al mi kun ridegoj, kiel li estis plantinta tranĉilon en la ventron de « bugra » ĉefo, dum du aliaj lin fortike tenis. Kiam tiaj faktoj alvenas ĝis oreloj de l'estraro, ĝi intencas kontraŭagi, sed kion fari ? Ĝiaj soldatoj fariĝas buĉistoj kaj tiuj personoj mem, kiuj tien iras por katekizi kaj altiri la indiĝenaron, ne ĉiam rezistas al la tento celi pafon sur tiujn statuojn el vivanta bronzo.

Kia distanco de la konversacioj pacemaj de l'kabineto al la kruela realeco sub la mortiga suno de l'tropiko !

Fronte la civilizulo preta lin mortigi pro kiu ajn kaŭzo aŭ eĉ sen ia, kun la sama miregiga facileco mortigi, kiu sangumas ĉiujn manojn nigrajn bruajn aŭ blankajn de tiu preterejo, ni trovas la indiĝenon ne kristanan, la *bugron*, hodiaŭ mildan hieraŭ kaj eble morgaŭ sovaĝan, lasante dum momento proksimiĝi sed ribelan je tiu civilizeco kiu lin forpeladas.

En aliaj regionoj ekzistos intera tipo : *la tapujo* indiĝeno mildigita, ne malofte hibridita de blankulo pro la voluptemo de l'portugalaj komizoj. La tapujo parolas la idiomon abomene fuŝitan de l'kristanoj, kaj plenumas la ŝajnon de la katolika religio, trans kiu li nure respektas la danĝerajn diajojn kiujn la avinoj instruas alvoki. Tie ĉi krom du aŭ tri virinoj rabitaj, ne ekzistas tiu tipo degenerata : la indiĝeno prezentas sin ankoraŭ pura. Nur nemultaj ĉefoj komprenas portugale, la ceteraj ne sin okupas pri tio. La vilaĝetoj riverbordaj ricevas amike la vojaĝanton kaj bonvole konsentas fari interŝanĝojn, kiuj estas ĉiam je ilia malprofito. Jafoje, iu sin dungigas je barko supren- aŭ malsupreniranta, sur kiu li sin rimarkigas per mallaboremo kalkulata laŭ la salajro kiun li esperas ricevi. Nenio pli. En la vilaĝetojn pli malproksimaj, neniu intencis eniri depost kiam la episkopo, antaŭ jam 30 jaroj, devis rapidege foriri de iu, kiun li iris viziti.

Pri tiuj, kiujn ni povas atingi, ĉu ni trovos je ili, kiel sonĝas la sentimentaluloj, laŭ J.-J. Rousseau, la kuntuton de ĉiuj virtoj naturaj, opozate al nia malvirtego civilizata ? Atendi tion estus refari la saman eraron, kiel tiuj kiuj serĉas en la infano « animon puran » fremdan je la malvirtoj de la plenaĝuloj. Tiaj trompiĝoj venas de erara ideo pri virto kaj malvirto. Malvirtoj ni nomas la kutimojn, kiujn la jarmila eksperimento de l'homaro montris malfavorajn al la sana vivo individua kaj socia; virtoj ni nomas la morojn kiuj ŝajnis al ni pli konformaj al la feliĉeco de ĉiu kaj de ĉiuj. Tiuj spertoj estas transdonataj per tradicio, nomata tradicio morala, kiu propre ne havas alian signifon ol tradicio *pri la kutimoj*. Kiel do, peti de l'infano, ke li havu pri tiaj aferoj, saman opinion kiel ni, instruitaj de persona kaj historia eksperimentado? estus absurde : en la infano tio kion ni povas trovi estas la prainstinktoj, penantaj satiĝi per vojoj plej rektaj; se io kontraŭas, la deziro sekvos aliajn vojojn, pli malpli kurbajn, ofte aliformiĝante, sed ĉiam je sama direkto, kiel radiketo kreskanta en ŝtonoza terajo fariĝas tordata kaj formaĉa, sed ne haltas obei la geotropismon ordonantan. Nu, psiĥologie, la indiĝeno estas infanego. Por sia propra vivo, li havas embrion da morala tradicio kiu sufiĉas por vivi en vilaĝetoj disaj, konsistantaj ofte el nura familio. Sed, je kontakto de l'blankulo, la kondiĉoj de vivo ŝanĝas tiamaniere ke li ne scias kiel sin adapti al ili. Ĉar, aliflanke, ni pretendas devigi lin respekti niajn formulojn, tiu devigo produktas la saman rezultaton kiel la lerneja devigo produktas je la infano : hipokriteco, kaŝemeco, falsemeco. Tiel ni trovos je la indiĝeno ĉiajn difektojn, ĉiajn malvirtojn. Certe mankas kelkaj, kiuj estas al ni propraj kiel alkoholismo kaj ludo, sed pasu *maskato* kun bareleto du brando kaj loterio, kiel oni ĉi tre nomas la « roulette », la naivaj arbejidoj ne restos colon pli alte en honto ol la vizitantoj de niaj kazinoj.

Kutimantaj trovi en la arbejo kaj en la rivero la satigon de siaj nemultaj bezonoj, ili komprenas nenion je niaj penozaj taskoj, kies rezultaton ili ne scias observi. Tial se ni volas uzi ilin por tiaj taskoj, ili laboros dum la novajo ilin distros, poste ili kuŝiĝos kantetante, surdaj je ĉiaj admonoj : *mallaboremuloj* krias profesoro de virto. Ne sciantaj kiom da laboro hostis la plantado kaj kulturo — kredantaj, funde, je l'efikode l'laboro — ili ne komprenas kial la feliĉulo kiu havas, tiel simple, la ŝancon havi apud la domo kampon plenan da manioko aŭ maizo) ne lasas ilin, preni kion ili deziras. Ili petas senhonte pli kaj pli, senĝenaj *almozuloj* ! Se oni donas al ili, ili havas nenian dankan senton : donis, do povis : *nedankemaj !* se oni ne donas, ili pensas, ke tio estas nejuste, kaj iras preni perforte aŭ ŝtele : *rabistoj !* Kun tiu metodo, nenian malvirton ni ne povus trovi je ili. La vojaĝantoj parolas pri la abomena *prostitucio* kiu regas en la vilaĝoj. Afero de kompreno : tuj kiam knabino ŝajnas edziĝebla, la indiĝeno ne lasas ŝin velki je la branĉo, kiel ni faras por kelkaj fruktoj kaj nemalmutaj virinoj, sed li ŝin prenas tuj, iafoje iom frue, timante ke iu alia ŝin prenus antaŭe. Tre certe estus pli bone por la raso, ke li sciu atendi la plenan maturiĝon de la fizikaj kondiĉoj postulataj de l'higieno seksa. Sed kiu petus tiajn priokupojn antropoteĥnikajn naskatajn de miljara sperto kaj de la sciencaj eltrovoj modernaj, al malfeliĉuloj kiuj eĉ ne pensas kalkuli la agon de l'gefiloj. Niaj ideoj, niaj aksiomoj de seksa moralo, komparataj je la nepriskribebla diboĉemo de la blankuloj kiujn ili vidas, ŝajnas al ili nekompreneblaj mensogoj.

Dum la edzino estas freŝa, la indiĝeno estas tre ĵaluza; poste li fariĝas pli indiferenta. Vidvino, ŝi estas tute libera. Pri la filoj : se la jaro estas bona, se la ĉaŝajo kaj la fiŝoj estas multaj, ili edukiĝas; dum la malbonaj jaroj, abortigoj kaj filmortigoj fariĝas nekredeble nombraj. Tamen estas sciate ke tiuj krimoj estas speciale *civilizataj* krimoj...!

Tia montriĝas la indiĝeno « pura » se ne de nia kontakto, almenaŭ de nia influo. Tre certe estas inter ili homoj tre superaj je tiu ĝenerala portreto, kiuj tute konfesas kaj signas tiujn malvirtojn naturajn kaj spontajn de sia raso. Sed, tie kiel inter ni, tiuj supermoraluloj estas nur personoj pli inteligentaj, kiuj, per observo kaj pripenso komprenis kiom malutila estas, por la homo kaj la raso, tiu plena obeo al la blinda instinkto, tiu tuta manko de l'racia haltigilo, fakto propra nur al superaj cerboj. Esceptoj konfirmas regulon.

Je tiaj kondiĉoj, ne mankas la kialoj, ŝajne ofte justaj, por indigniĝo kaj koleriĝo kontraŭ tiuj primitivuloj, kaj rajtigo por la pli grandaj ekcesoj de perfoto kontraŭ ili.

(*Daŭrigota*). P. Berthelot.

## Homara Dataro

16 *Julio*. 662. — Forkuro de Mahomedo el la Meko kaj unua jaro de la Egiro. — 1829. Naskiĝas en Gorizio filologo Graziano Ascoli. — 1898. Kapitulacio de Santiago de Kuba.

17. 1888. — Mortas en Lucca kriminalisto Francisko Carrara.

18. 1100. — Mortas Gofredo el Bouillon (nask. en 1061).

19. 1394. — Mortas poeto Francisko Petrarca en Arquà sur la Eŭganaj Montoj. — 1443, Mortas en Romo pentristo Masaccio.

20. 1800. — Senefaldes elpensas la litografion. — 1866. Ŝipa batalo ĉe Lissa inter aŭstrianoj kaj italoj.

21. 1773. — Papo ĉesigas la Jezuitojn. — Batalo ĉe l'Piramidoj, venko de Napoleono.

22. 1822. — Mortas en Livorno poeto Shelley.

23. 1885. — Mortas generalo Grant, eksprezidanto de Usono.

24. 1454. — Naskiĝas Ambrozino, nomita Policiano, latinisto kaj poeto.

25. 1794. — Ekzekuto de Andro Chenier, poeto kaj aŭtoro de la alvoko de Ludoviko XVIª al la popolo. — 1868. Kroatujo, Slavonujo kaj Fiume estas kunigitaj kun la Hungara Regno.

26. 1835. — Naskiĝas en Valdicastello poeto Giosue Carducci.

27. 1794. — Mortas Robespierre.

28. 1869. — Mortas Gustavo Cerus (nask. Leipzigo 1789) antropologiisto kaj fiziologiisto. — 1883. Tertremo de Casamicciola (Iskia insulo).

29. 1900. — Mortas reĝo de Italujo, Umberto Unua en Monza.

30. 1305. — Papo Klementa V-a transportas la sanktan sidejon en Avignon.

31. 1794. — Mortas filozofo Diderot, fondinto de la Enciklopedio. — 1822. Mortas germana novelisto Hoffmann.

A. Tellini.

# La Faktoj

12 *Junio*. — Calais. — La submara ŝipo *Pluviose* estas komplete starigita je la suprajo de la maro kaj kondukita en la havenon.

15. Madrido. — Malfermo de la Deputataro.

Bruselo. — Inaŭguro de la ekspozicio de antikva belga arto.

18. Novajorko. — Elŝipiĝo de la eksprezidanto de Usono, Teodoro Roosevelt.

20. Londono. — Solena rememorigo de la jarcenta festo de la primitiva religia metodismo.

Rouen. — Komenciĝas la granda aviada semajno.

22. Calais. — Solena enterigiro al la viktimoj de la submarŝipo *Pluviose*.

Madrido. — Mortas dramverkisto Rikardo de la Vega.

Aurbriz. — La kanonŝipo de Portugallando, *Liberal* ektuŝegas rifon kaj subakviĝas.

24. Tortono. — Mortas monaĥo, frato Miĥelo el Carbonara apostola prefekto de Eritrea Kolonio.

25. Romo. — Deputataro asignas 4 milionojn da spesmiloj por la aera ŝiparo.

26. Lisbono. — Texeira de Louza akceptas starigi novan ministraron.

A. Tellini.

# TRA LA MONDO

## Kelkaj Usonaj Urboj

Usono prezentas multajn interesajn vidajojn por la vojaĝanto. Malmultaj personoj el aliaj landoj de la mondo komprenas la grandecon de la landon rilate al longeco kaj larĝeco, favora situacio, aŭ naturaj rimedoj. Estas 4.429 km de la maro Atlantika al la maro Pacifika, kaj de la suda limo estas 2.640 km. La makvobordo estas 35.000 km. longa.

En la kvar limoj de Usono, ne kalkulante Alaska, Porto Rico (Porto Riko), Hawaii kaj la Philippines (la insuloj Filipinaj), oni povus fari 225.81 landojn de la grandeco de Svisujo; aŭ oni povus fari 32,61 landojn je la grandeco de Italujo; aŭ 18,24 landojn je la grandeco de Hispanujo. En Usono oni povas trovi preskaŭ ĉian klimaton, ĉian teron, ĉian vegetajan, ĉian mineralan produkton kaj ĉian popolon.

Dum la estanta somero multe da Esperantistoj de Eŭropo kaj aliaj landoj ĉeestos la Sesan kongreson ĉe Washington, kaj multaj el ili vizitos aliajn urbojn en Orienta Usono. Por ke ili povu lerni pri kelkaj el la urboj antaŭ ol ili vizitos Usonon, jen estas notoj pri kelkaj el la plej interesaj vidajoj en la urboj kiujn la vojaĝantoj eble vizitos.

NEW-YORK (Nov-Jorko).

Multaj Esperantistoj kiuj veturos el Eŭropo en Usonon alvenos tra Nov-Jorko, la plej granda urbo en la nova mondo kun 4.014.304 loĝantoj.

Kiam oni traveturas per ŝipo la havenegon de Nov-Jorko kaj proksimiĝas al la urbo la fremduloj vidas sur insulo en la havenego statuegon, nomatan « Statuo de Libereco » Francujo donis ĝin al Usono, kaj oni konstruis ĝin en 1886. La vizaĝo estas turnata al la maro kaj la dekstra brako alte tenas torĉon. Ĝi estas la simbolo de libereco lumiganta la mondon. La pezo de la statuo estas 205.000 klgr. Kvardek personoj povas stari en la kapo kaj la torĉo tenas dekdu personojn. Estas 154 ŝtupoj de la piedestalo al la kapo, kaj la ŝtupareto tra la dekstra brako havas 54 ŝtupojn. La alteco de la fundamento al la torĉo estas 47 metroj. La fundamento de la piedestalo al la torĉo estas 92 metroj, La longeco de la mano estas 4,90 m. La longeco de la montra fingro estas 2,40 m., kaj la ungo 0,32 m. La larĝeco je la ungo estas 0,25 m. La longeco tra la okuloj estas 0,75 m. kaj la longeco de la nazo estas 1,35 m. De la kapo oni povas vidi bonege la urbojn Nov-Jorko, Jersey City, Hoboken, kaj aliaj, kaj la havenon de Nov-Jorko.

Apud la « Statuo de Libereco » estas Ellis Island kie oni tenas ĉiujn enmigrantantojn triaklasajn (kaj kelkaj unua-kaj duaklasajn enmigrantojn se la registaro deziras zorge ekzameni ilin) ĝis la registaro ekzamenos ilin kaj konstatos ke ili plenumas la postulojn de la leĝo pri enmigrado. Dekstre kaj maldekstre kiel oni enveturas la havenon estas fortikajegoj, sed oni de la ŝipo ne povas vidi multe da ili.

Kiam oni alproksimiĝas al la urbo la unua vidajo estas la altegaj konstruajoj. Multe da ili havas de 15 ĝis 25 etaĝoj kaj kelkaj el ili havas 30, kaj eĉ 40 etaĝojn de alteco. Eble la ŝipo veturos en la Nordan aŭ Hudson riveron al la enŝipiĝejo aŭ ĉe Nov-Jorko aŭ trans la rivero ĉe Hoboken aŭ Jersey City, kvankam kelkaj ŝipoj veturas en la East River (La Orientan Riveron) kaj enŝipiĝas ĉe la orienta flanko de Nov-Jorko aŭ ĉe Brooklyn trans la rivero de Nov-Jorko, (Brooklyn estas efektive kvartalo de Nov-Jorko).

Nov-Jorko estas tre kosmopolita. Loĝas tie nombro de Irlandoj duobla ol en Dublin; nombro de Germanaj duono kiel loĝas en Berlino: 100,000 Germanoj pli multe ol loĝas en Hamburgo, kaj pli multe da Italoj ol loĝas en Firenzo. Oni diras ke unu el ĉiuj kvar personoj renkontataj en la Manhattan kvartalo de Nov-Jorko estas Hebreo (Manhattan estas la ĉefa negoca kvartalo de Nov-Jorko). Unu konata Hebreo diris ke post kiam la Romanoj detruis Jerusalemon tiom da Hebreoj neniam loĝis en unu urbo kiel en Nov-Jorko.

La vivo en Nov-Jorko estas puŝegeco kaj movado. La homoj rapidas tien kaj reen. Ofte Eŭropanoj kaj alilandanoj konfuziĝas kiam ili unue alvenas en Nov-Jorkon.

Estas neeble en tia mallonga rakonto skribi detale pri la multaj interesaj lokoj kaj vidajoj en Nov-Jorko. Ankaŭ ne estas la spaco tie ĉi por priskribi detale la stacidomojn la fervojojn, ŝipojn k. t. p. La Esperantistoj renkontos samideanojn ĉe la ŝipoj se ili skribos antaŭe al la Kongresa Komitato kaj sciigos ilin pri tiaj aferoj. Informa oficejo por geesperantistoj troviĝos ĉe la Herad Square Hotel apud Broadway (34 th street and Broadway). Oni alvenas al ĝi per la alta fervojo aŭ la subterafervojo. Deiru de la vagonaro ĉe 33 a strato stacio.

La pli granda parto de Nov-Jorko estas insulegoj. Se oni volas ŝipveturi ĉirkaŭ la urbo oni povas fari tion por 2 $. La vojaĝeto komencas ĉe « Battery Point » ĉiutage je 10 h. 30 mat kaj 2 h. 30 ptm. Estas bela vojaĝeto de du horoj kaj duono. La « Brooklin Bridge » (Pontego de Brooklyn) estas pontego apud Battery Point. La konstruado daŭris dektri jarojn kaj la kosto estis 32,000,000 sm. Pli multe ol 100,000 homoj trairas la pontegon ĉiutage. La pontego kunigas la Manhattan kaj Brooklyn kvartalojn de Nov-Jorko. Post 1878 kiam oni finis la konstruadon de la pontego, oni konstruis kelkajn aliajn pontegojn similajn trans la « East River » (la rivero Orienta). Estas ankaŭ subtervojo por vagonaroj sub la rivero Orienta. Ne estas pontegoj super la Hudson aŭ Norda rivero sed estas kelkaj subtervojoj por vagonaroj.

La amuzoj de Nov-Jorko estas multaj; estas preskaŭ kvindek teatroj. Ankaŭ estas muzikejoj, paroladejoj, muzeoj, parkoj, k. t. p.

La muzeo de arto ĉe la orienta flanko de la « Central Park » (Centra Parko) je 8-a strato enhavas multe da belaj pentrajoj, skulptajoj, statuoj, antikvajoj, potfaradajoj, k. t. p. Enlaso estas senkosta escepte lunde. Interesa muzeo por vizitantoj estas Amerika Muzo de Naturscienco ĉe « Manhattan Square ». Tie estas bestoj kaj birdoj je ĉiuj specoj de ĉiuj landoj. La « Central Park » estas grandega parko en la urbo. Estas tie belaj herbejoj, aleoj, vojoj, vojetoj, terasoj, lago, antikva obelisko de Egiptujo, bestejo, k. t. p. « Bronx Park » (La Parko Bronks) estas pli granda ol Central Park. Tie estas grandega bestejo kie oni havas preskaŭ ĉiujn specojn de besto kaj birdo de la tuta mondo. Riverside Park estas sur la bordo de la Hudson rivero kaj de ĝi oni povas havi bonan vidajon je la rivero. Tie estas la tombo de eksprezidanto Grant, kiu estas ankaŭ granda Usona generalo. Apud la parko kaj vojego estas la konstruajoj de la Universitato Kolumbia.

El la stratoj de Nov-Jorko la plej bone konataj estas « Broadway » « Fifth avenue », kaj « Wall street ». Broadway estas la strato de negocoj; Wall street strato de financoj kaj la financa centro de Usono; kaj Fifth avenue la strato de la geriĉuloj. Ankaŭ estas tie la katedralo katolika kaj aliaj preĝejoj. Estas en Nov-Jorko 400 preĝejoj. Oni povas trovi ĉian religian kredon. La Katolikoj povas trovi multe da preĝejoj kaj la grandegan katedralon sur Fifth avenue, Ĉiu sekto de la Protestanta eklezio havas preĝejojn. La Hebreoj havas kelkajn sinagogojn, kaj estas multaj aliaj religiaj, filantropia asocioj kaj multaj hospitaloj.

Nov-Jorko havas bonan publikan lernejan sistemon Ĉiu knabo kaj ĉiu knabino, riĉa au malriĉa, povas studi en la liberaj lernejoj. Estas ankaŭ kelkaj altaj lernejoj, la universatato de la urbo de Nov-Jorko kaj la universitato Kolumbia kaj multe da lernejoj de arto, leĝo, medicino, bibliotekoj k. t. p.

Aliaj Urboj.

JERSEY CITY. — Jersey City, estas trans la Hudson rivero de Nov-Jorko en la Ŝtato New Jersey; 250,000 loĝantoj. Multe da personoj kiuj laboras en Nov-Jorko loĝas en Jersey City.

Estas kelkaj vojoj de Nov-Jorko al Vaŝingtono. Oni povas veturi per ŝipo laŭ la marbordo, aŭ per fervojoj. Eble la plej multaj fremduloj preferos veturi fervoje, ĉar ĝi estas pli rapida ol ŝipo kaj oni havas pli bonan okazon vidi la landon. Estas ĉirkaŭ 360 km. de Nov-Jorko al Vaŝingtono kaj estas du ĉefaj fervojoj inter la du urboj: la « Pennsylvania R.R. » (La fervojoj Pensilvania) kaj la « Royal Blue Line » (la reĝa blua linio). La vagonaroj de la lasta deiras de Jersey City per la vojo de la « Central Railroad of New Jersey » (La Centra Fervojo de New Jersey). Jen estas kelkaj el la pli grandaj urboj inter Nov-Jorko kaj Jersey City kaj Vaŝingtono.

NEWARK. — Newark 14 km. de Nov-Jorko sur fervojo Pennsylvania havas proksimume 350,000 loĝantojn. Oni fabrikas multe de juvelajoj, ledajoj kaj aliaj fabrikajoj. Multe da popoloj loĝas en Newark kaj laboras en Nov-Jorko.

ELIZABETH. — Elizabeth, 22 km. de Nov-Jorko havas 70,000 loĝantojn. La fabrikejo de la Stebila Kompanio de Singer estas tie ĉi. Ĉirkaŭ 8,000 personoj laboras por la kompanio. Oni ankaŭ fabrikas ĉe Elizabeth multe da aliaj fabrikajoj. Unu el la ĉefaj rafinejoj de la « Standard Oil Company » estas tie.

TRENTON. — Trenton, la ĉefurbo de la Stato New Jersey havas 100,000 loĝantojn. Estas tie ĉie multe da potfarejoj kaj oni faras multajn aliajn fabrikajojn.

PHILADELPHIA. — Philadelphia estas grandega urbo proksimume meze inter Nov-Jorko kaj Vaŝingtono, kun 1,545,000 loĝantoj kaj estas la tria urbo laŭ grandeco en Usono. Estis la ĉefurbo de Usono de 1790 al 1800 kaj de la Ŝtato Pennsylvania ĝis 1870. Ĝi estas centro de granda komerco enlanda, marborda kaj eksterlanda. Ĝi ne estas ĉe la maro sed sur granda rivero (Delware) kiu fluas al la maro. Philadelphia estas interesa urbo historie, fondita de William Penn, de kiu la Ŝtato estis nomita, je 1682 (Pennsylvania signifas « La Arbaroj de Penn) Tiu dato ne estas malnova en Eŭropa historio sed en Usona historio estas tre frua. En Philadelphia, la Amerikaj kolonioj starigis sian sendependecon de Anglujo. Oni povas viziti « Independence Hall » (La ĉambrego de Sendependeco) je la norda flanko de « Independence Square ». Antaŭ ol Usono estis fondita la konstruajo estis la Ŝtatodomo de la provinco Pennsylvania. La fruaj kongresoj de la Amerikaj kolonioj estis kunvokitaj tie, kaj tie oni preparis por la milito de la revolucio. Tie oni povas vidi « Liberty Bell » (La sonorilo de libereco) kiu sonoris kiam la kongreso anoncis ke la Amerikajn koloniojn oni konvokis en « Carpenter's Hall » (La ĉambrego de Carpenter) alia historia konstruajo. Tie la unuajn paŝojn al libereco oni faris, kiuj fruktopleniĝis en la Independance Hall. Estas en la urbo multe da aliaj historiaj vidajoj.

Philadelphia estas sur la riveroj Deleware kaj Schuykill. Estas granda marhaveno kaj tie estas multe da negoco. La poŝtoficejo estas unu el la plej bonaj en Usono. La impostejo estas konstruita laŭ la modelo de la Partenono en Ateno. Estas ĉe Philadelphia monofarejo, multaj publikaj bibliotekoj kaj artmuzeoj. Estas dekses parkoj en la urbo. La parko Fairmount, estas unu el la plej grandaj en la mondo. Estas en Philadelphia kelkaj grandaj kolegioj kaj universitatoj. La nombro kaj grandeco de la medicinaj lernejoj faras Philadelphia unu el la grandaj medicinaj centroj de la mondo. Philadelphia enhavas grandajn fabrikejojn de lokomotivoj, maŝinoj, ŝnurajoj, sukerrafinejojn, k. t. p.

BALTIMORE. — Baltimore, la ĉefurbo de la Ŝtato Marlland (Meriland'), estas sur la rivero Patapsco. Ĝi havas vastan havenon sufiĉan por la plej grandaj ŝipoj.

Oni negocas multe je greno kaj Baltimore estas unu el la grandaj centroj por faruno en la mondo. Estas la ĉefa Usona centro por tabako. Baltimore havas kvar universitatojn, kelkajn kolegiojn, multajn lernejojn, kelkajn teatrojn k. t. p. Loĝas tie 650,000 personoj.

Apud Baltimore estas la urbo Annapolis kie estas la Usona Mara lernejo, La ŝtato Mariland permesas la lernadon de Esperanto en la lernejoj.

La urboj priskribitaj supre estas la plej grandaj el tiuj kiujn oni eble trapasas kiam oni veturas de Nov-Jorko al Vaŝingtono. Estas multe da urboj en Orienta Usono kiujn mi ne povas eĉ nomi tie, kaj en Meza Usono, Suda Usono kaj Okcidenta Usono estas multe da interesaj vidajoj, sed eble nur malmultaj Eŭropanaj Kongresanoj vizitos ilin ĉar ili estas malproksimaj. Chicago la dua urbo en Usono rilate al grandeco estas en la norda kaj meza parto de Usono. Antaŭ cent jaroj loĝis tie nur kelkaj personoj kaj estis tie nur dudeko da domoj. Loĝas tie nuntempe 2,610,000 homoj Chicago estas proksimume 900 mejloj de Nov-Jorko. Boston, kun 629,478 loĝantoj la ĉefa urbo de la parto de Usono nomata New England (Nov-Anglujo) estas 320 km. nordorienta de Mov-Jorko.

Eble kelkaj kongresanoj vizitos la mirindajn Niagara Falls (La akvofaloj de Niagara). La Niagara rivero fluas de la lago Erie al la lago Ontario, du el la grandegaj lagoj de Nord-Ameriko. La malsupreniro de unu lago al la alia estas 100 m. Estas du faloj formataj de « Goat Island », kiu signifas kapro, nomataj la Amerikaj Faloj kaj la Kanadaj Faloj. La Kanadaj Faloj estas 270 m. larĝaj kaj 46 m. altaj. La Amerikaj Faloj estas nur 180 m. larĝaj sed 3m. pli altaj ol la Kanadaj. La faloj estas unu el la mirindajoj de Ameriko kaj vizitantoj iras de malproksimumaj urboj kaj landoj por vidi ilin. Estas dekdu-hora veturo de Nov-Jorko kaj la kosto de ekskursa bileto estas ĉirkaŭ 20 sm. de Nov-Jorko.

Jen estas nur ekvido de la multaj urboj kaj vidajoj kiujn la kongresanoj de Europo vidos. Geesperantistoj renkontos la fremdajn delegatojn ĉe la ŝipo ĉe Nov-Jorko kaj ĝojege respondos al demandoj pri Usono. Jen estas nur skizo de kelkaj vidajoj.

Ameriko esperas bonveni grandan nombron de geesperantistoj el multaj landoj ĉe Vaŝingtono, kaj garantias bonan tempon por ĉiuj, kiuj venos al La Sesa.

Rolland Bryant Moore,
(Del. Elizabeth)

# La Sesa Internacia Kongreso de Esperanto

*14-20 Aŭgusto. — Washington*

### La Kongresa Semajno

*Sabato*. — Kvankam la Kongreso mem ne komenciĝos ĝis la 15-a de aŭgusto, la Komitato esperas ke ĉiu kongresano alvenos al Washington kaj registros ĉe la akceptejo ne pli malfrue ol sabaton posttagmeze. Ĉiuj povas tiel senĝene trovi siajn loĝejojn kaj partopreni en la unua nesolena festo. Je la sesa la kongresanoj iros al la unua manĝo ĉe la Centra Manĝejo kie ĉiutage en la daŭro de la vespermanĝo estos aŭdata muziko, paroladetoj, k. t. p. Vespere je la oka okazos antaŭkongresa akceptado. Tiam ĉiu kongresano povas konatiĝi unu kun la alia kaj premi la manon de Doktoro Zamenhof. Muziko kaj paroladetoj estos aldonataj al la plezuroj de la vespero.

*Dimanĉo*. — Matene diservoj. La Komitato petas ĉiun pastron, kiu venos kaj volas partopreni, ke li tuj skribu al la Sekretario, nomante sian eklezion. Preĝejoj, predikantoj, k. t. p., estos anoncataj sur la difinita programo. Posttagmeze oni povos viziti vidindajojn de la urbo. Vespere koncerto. La partoprenantoj estos Esp.-istoj ĉiulandaj. Senpaga eniro por kongresanoj.

*Lundo*. — Matene 9 h. okazos la kunvenoj por nomi naciajn delegitojn. Salutaj paroladoj je la malferma kunsido. La Prezidinto de la Kvina malfermos la Sesan, transdonante la prezidantecon al la prezidonto. La ĉiujara parolado de Doktoro Zamenhof postvenos, dum ĉiu Esp.-isto atente aŭskultos al liaj vortoj.

Vespere je 7 h. 1/2 oni veturos, ĝuante la lunlumon kaj Esperantan interparoladon, laŭ la bela Potomac Rivero sur speciale elektita vaporŝipo. Por ĉi tiu ekskurso ĉiu kongresano povos senpage ricevi bileton ĉe la akceptejo. Surŝipe oni havos muzikon, dancadon, manĝajojn, trinkajojn, k. t. p.

*Mardo*. — Matene komenciĝos la kunvenoj de la Lingva Komitato kaj specialistaj kunvenoj. Eble ĝenerala kunsido de la Kongreso ankaŭ okazos.

Je la dekunua ĉiuj iros per tramvojo al la Akvofalo de la Potomaka Rivero. Ĉiu, kiu havas biletojn por la tuta semajno ĉe la Centra Manĝejo partoprenos senpage en la tiea eksterdoma tagmanĝo. Ĉiu alia povos aĉeti specialan bileton po 1 Sm. ĉe la akceptejo.

Vespere okazos unu el la plej interesplenaj aferoj de la semajno. Estos prezentata la plej unika afero iam entreprenita en la teatraja mondo. Ni ne nur havos (kiel je antaŭaj kongresoj) tre bonan verkajon bone ludatan de lertaj aktoroj, sed la teatro kaj la scenejo estos kiel eble plej pitoreskaj kaj laŭnaturaj, tial ke Patrino Naturo mem ilin kreis. Oni prezentos la ludon sub neniu plafono krom la ĉielo. La artplena kvazaŭa scenejo havos neniun scenornamon krom aro da belaj arboj kaj arbetoj. Tie sen io ajn artefarita, escepte de la lumoj kaj la seĝoj por le ĉeestantoj, oni prezentos la ĉarman arbaran teatrajon « Kiel Plaĉas al Vi » *(As You Like It)* de Shakespeare, speciale tradukitan por la Sesa. La ludantaro estos la bone konataj « Hickman Players ». Biletoj po 1 Sm.

*Merkredo*. — Dum la mateno okazos kunvenoj de la Internacia Financa Konsilantaro, Internacia Scienca Asocio, kaj ĝenerala kunsido de la Kongreso.

Posttagmeze ekskurso per vaporŝipo al Mount Vernon kie estas la malnova hejmo kaj bieno de Georgo Washington. Ĉio ĉie estas kiel eble plej same aranĝita kiel dum li vivis, kaj oni povas nun vidi la simplan, tamen belan vivmanieron de lia tempo en la tiam preskaŭ sovaĝa lando. Ĉi tiu ekskurso kostos 37 Sd.

Vespere la kongresanoj havos la malofte donitan bonŝancon eniri la novan Internacian Oficejon de la Amerikaj Respublikoj. Ĝi estas konstruita por Centra Oficejo, aŭ kvazaŭ Kapitolo, de ĉiuj respublikoj de Norda kaj Suda Amerikoj. En ĉi tiu belega nova konstruajo, ofte nomata la « Pan-American Palace of Peace » *(Amerika Palaco de Paco)*, S-ro John Barrett, prezidanto de la Esperantista Asocio de Norda Ameriko kaj Direktoro de la « International Bureau of the American Republics » donos akceptadon je la honoro de Doktoro Zamenhof kaj la kongresanoj. Post la akceptado oni disdonos al la sukcesaj konkurantoj la premiojn de la Literatura Konkurso.

*Jaŭdo*. — Matene okazos kunvenoj de U.E.A. kaj de specialistaj asocioj. Posttagmeze oni ĉeestos basbalan konkurson de la « American Base Ball League ». Por la kongresanoj kaj speciale por la alilanduloj kiuj ne konas la sporton, oni preparas libreton pri la reguloj, k. t. p. Eĉ se oni ne deziras ekkoni la sporton mem, estos interese rigardi la milojn da Usonaj ĉeestantoj kaj konstati ilian gajan entuziasmon je ĉi tiu sporto. Vespere kelkaj paroladoj pri diversaj gravaj temoj, kaj pri iuj interesaj lokoj en la mondo.

*Vendredo*. — Matene plue specialistaj kunsidoj kaj ankaŭ ĝenerala kunsido.

Posttagmeze la kongresanoj povos viziti vidindajojn de la urbo. La Komitato ankaŭ esperas anonci akceptadon al la kongresanoj ĉe la « Blanka Domo » (Loĝejo de la Prezidanto de Usono), sed ĝis nun Prezidanto Taft ne decidis ĉu li povos reveni al Washington aŭ ne. Vespere okazos la Internacia Balo, ĉiam unu el la plej interesaj aferoj de kongresa semajno. Ĉiu alilandulo estas urĝe petata porti la vestajon de sia propra lando aŭ provinco. Krom la internacie konataj valsoj kaj dutempoj, la dancordo enhavos la « Virginia Reel Lancers », k. t. p. Aldone kelkaj Filipinoj dancos karakterizan Filipinan dancon aranĝitan de Sinjoroj Mariano V. Osmena kaj Domiciano J. Sandoval.

*Sabato*. — Matene la kongresanoj kunvenos je 9 h. por la finaj laboraj kunsidoj de la diversaj specialistaj kunvenoj. Je la deka la lasta labora kunsido. Poste lasta komuna manĝo de la neforgesebla semajno.

Je la dua la Sesanoj kunvenos por la solena ferma kunsido. La invitantoj al estontaj kongresoj metos antaŭ la kongreso la argumentojn kial la altirajoj de iliaj propra lando kaj urbo estas plej allogaj. Poste sekvos la finaj oficialaj paroladoj.

*Turistaj aŭtomobiloj.*

En Washington estas multaj grandaj aŭtomobiloj sur kiuj oni povas tre bone viziti la diversajn kvartalojn de la urbo. La Komitato faris kun unu kompanio specialajn aranĝojn por la portado de kongresanoj. Dum la kongresa semajno ĉi tiu kompanio havos sur siaj aŭtomobiloj Esperantistajn paroladistojn, kaj la kongresanoj povos aĉeti biletojn ĉe la akceptejo je 20 o/o.

*Policanoj.*

Aro da Esp.-istaj policanoj zorgos pri la ĉeestantoj ĉe la Sesa. Ili nun fervore studas la lingvon, kaj la Policestro jam ĝentile promesis ke li metos ilin je la dispono de la Komitato dum la kongresa semajno.

*Centra manĝejo.*

Dum la kongresa semajno estos Centra Manĝejo, kie ĉiuj kongresanoj povos kune manĝi kaj tiel pli ĝui la semajnon sentante vere ke ili estas « unu granda familio ». La unua manĝo estos la vespere, la 13 aŭgusto, kaj la lasta estos la 20-. La tagmeza manĝo je mardo estos eksterdoma, ĉe la bela akvofalo de la Potomaka Rivero. Bileto por 21 manĝoj ĉe la centra manĝejo kostos al kongresanoj 14 Sm. Bileto por malpli ol sep tagoj, $ 2,50 tage. Biletoj por la sep vespermanĝoj kaj sep tagmanĝoj 12 Sm. Bileto por nur sep vespermanĝoj 8 Sm., por nur sep tagmezaj manĝoj kostos 6 Sm., por nur sep matenmanĝoj 6 Sm. Se oni deziras partopreni nur en la « piknika lunĉo » je mardo, speciala bileto por ci tio 1 Sm.

Dum ĉiu manĝo prezidos iu bone konata Esperantisto, kaj mallonga programo de kantado, deklamado, k. t. p., estas aranĝata. Nepre la manĝoj ĉe la Centra Manĝejo estos neforgeseblaj aferoj de la semajno. Se tro multaj venos por sidi en la centra manĝejo, la Komitato komprenoble donos la lokojn al tiuj, kiuj unue aĉetos biletojn. Se oni sufiĉe frue scios kiom venos, sendube sufiĉe da lokoj estos aranĝitaj.

*Loĝado.*

En bonaj hoteloj la Komitato aranĝis por specialaj prezoj, kiuj estas proksimume la duono de la ordinaraj prezoj en la samaj hoteloj. La ĉambroj por unu persono kostos al kongresano 2 Sm., 1,25 Sm., aŭ 4 tage. Ĉambroj por du personoj 4 Sm., 6 Sm. aŭ 8 Sm. tage.

La Komitato ankaŭ havos bonajn ĉambrojn en pensionojn kaj loĝegoj, kiuj kostos al la kongresanoj 8 Sm. semajne, se oni sufiĉe frue sciigos la Sekretarion.

*La vojaĝo al Washington.*

Ĉiu Eŭropano, kiu intencas partopreni en la Sesa, devas tuj sciigi la Esperantistan Centran Oficejon, 51, rue de Clichy, Parizo, Francujo. De tiu oficejo oni ricevos ĉian informon pri la vojaĝo de Eŭropo al Ameriko. En Nov-Jorko, kien la plimulto sendube alvenos kelkajn tagojn antaŭ la Kongreso, la hotelo « Herald Square Hotel », ĉe la angulo de 34-a strato kaj Broadway, estas elektita por esti rendevuo por Esperantistoj el la orienta parto de Ameriko kaj por alilanduloj. La ordinara prezo por ĉambro en ĉi tiu hotelo estas 3 Sm. tage. Al kongresanoj, kiuj montros siajn kongreskartojn, ĉi tiu hotelo donos rabaton da 15 o/o aŭ kiam ili estos venantaj al la Kongreso aŭ kiam ili estos reirantaj al siaj hejmoj.

Kelkaj el la Amerikaj fervojoj donos rabaton. La fervojoj en la « Trunk Line Association » (kiu enhavas ĉiun fervojon norde ĝis Kanado, okcidente ĝis Ohio, oriente ĝis Nov-Anglujo, kaj sude preskaŭ ĝis Norda Karolino), la fervojoj en la « New England Passenger Association » (kiu enhavas ĉiun fervojon en la ŝtatoj New Hampshire, Vermont, Massachusetts, Rhode Island, Connecticut) kaj la fervojoj en la « Central Passenger Association » (kiu enhavas la fervojojn okcidente ĝis Iowa) jam konsentis doni rabaton laŭ la « Certificate Plan » *(Atesta Plano)*. Oni pagos por la bileto al Washington la ordinaran prezon, kaj samtempe devos peti de la biletvendisto ateston *(certificate)*. Estas bona ideo antaŭaranĝi ĉe la biletvendisto por la atesto, ĉar ofte la biletvendistoj ne havas ilin pretaj. Tuj kiam vi alvenos Washington, donu ĉi tiun ateston kune kun 50 Sd, al la akceptejo. Post kelkaj tagoj, vi reericevos la ateston ĉe la akceptejo plene suskribitan de la fervoja agento. Per ĉi tiu subskribita atesto oni povos ricevi rabaton de du kvinonoj de la kosto de la bileto al la hejmstacio.

La « Southeastern Passenger Association » (kiu enhavas la sudajn fervojojn de la Atlantika marbordo ĝis Mississippi Riuero) rifuzis doni rabaton, opiniante ke oni ne sufiĉe grandnombre venos al Washington de ĉi tiuj ŝtatoj.

Ĉe la stasidomo el Washington estos Esperantistoj dum la tuta tago (sabato) por zorgi pri la vizitantoj.

Ĉiu alilandulo portu la verdan stelon, ke oni tre facile povas ĝin vidi, kiam li elŝipiĝos, por ke la Amerikanoj povu tuj ekkoni lin. Ĉiu Amerikano, venante al la Sesa, ankaŭ devos porti la insignon, por ke aliaj Esperantistoj povu survoje ekkoni lin. Memoru ke ĉiu Esperantisto devus samideane saluti ĉiun alian.

Kvankam en Washington oni bezonos nur maldikajn vestojn (kune kun maldika mantelo aŭ surtuto por porti dum la vesperoj), ne forgesu ke dum la oceanvojaĝo la vetero ofte estas vere vintra, kaj oni bezonos surŝipe plej dikajn vestojn.

*Kongreskartoj.*

Por fariĝi ano de la Sesa oni devas kiel eble plej frue pagi 10 Sm. kaj ricevi la kongreskarton. Sen kongreskarto oni ne povos partopreni en la oficialaj kunsidoj de la Kongreso aŭ ricevi la specialajn rabatojn, k. t. p., donatajn al kongresanoj. Al ĉiu ĉeestanto kiu venos el iu alia parto de la mondo ol Usono kaj Kanado, la Sekretario repagos 5 Sm. Eŭropanoj mendu siajn kongreskartojn de la Esperantista Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Parizo. Eĉ se vi ne estas certa ĉu vi povos ĉeesti, aĉetu vian kongreskarton kaj estu en la nomaro de la kongresanoj. Ĉiu kongresano, kiu ne ĉeestos, ricevos post la kongreso ĉiun libron, libreton, k.t.p., oficialan kaj neoficialan, kiun oni disdonos al la ĉeestantoj.

*Postkongresaj ekskursoj.*

Sabaton vespere je 6h 45 multaj el la kongresanoj partoprenos en la ekskurso al Norfolk. Oni veturos sur la vaporŝipo laŭ la Potomac Rivero kaj Chesapeake (*ĉesapik*) alvenante je la sepa dimanĉon matene. Dimanĉon oni pasigos en Norfolk, Old Point Comfort, Virginia Beach (sur la marbordo de Atlantika Oceano) kaj Hampton Roads, kie ofte naĝas la militŝipoj de diversaj landoj. Dimanĉon vespere oni enŝipiĝos por la reiro, alvenante al Washington lundon je la sepa matene. Biletoj por la rondiro kostos al kongresanoj tri dolarojn kaj duonon (al nekongresanoj la prezo estas kvin dolaroj). Dormoĉambretoj havantaj lokojn por du personoj kostos du dolarojn por la rondiro.

Lundon la ekskursanoj disiros kien aju ili volos. Multaj foriros por viziti Bostonon, Niagara Falls, Yellowstone, k. t. k., akompanataj de Usonaj kongresanoj kiuj loĝas ĉe tiuj lokoj, aŭ volos mem ilin viziti, por ĝui la vidindajojn. Ĉiu kongresano el alia lando, kiu volas viziti Amerikajn vidindajojn tiamaniere akompanata estas petata frue sciigi al la Komitato kiujn lokojn li volus viziti. La Komitato faros sian eblon por helpi en la aranĝado de tiaj vizitgrupoj.

Adresu ĉiujn leterojn pri la Kongreso, kaj faru ĉiujn ĉekojn, poŝtmandatojn, k. t. p., pageblaj al Edwin C. Reed, Sekretario-Kasisto, 1202 F Strato, N. W., Washington, D. C., Usono.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

## *OFICIALA INFORMILO*

### ADMINISTRA FAKO

*Balotado de la Distriktaj Delegitoj.*

Ni rememorigas, ke la tempolimo por la balotado de la Distriktaj Delegitoj estas la 30 julio (por Eŭropo). Ĉiuj Delegitoj estas petataj partopreni en ĝi. La listo de la distriktoj aperis en nº 75 de « Esperanto ». Oni bonvolu ĝin konsulti en okazo de bezono.

*Novaj delegitoj.*

Ĝis la 5-a de Julio, estis elektitaj Delegitoj en la jenaj lokoj:

Bursztyn (Galicio). — S-ro Seweryn-Danilowicz.

Chalkovice-Ok. Olomouc (Moravio). — S-ro Albin Neuzil, instruisto.

Des Moines (Iowa, Usono). — S-ro C. C. Briggs.

Fontenay-sous-Bois (Parizo, Francujo). — S-ro R. de Lajarte, 4, villa d'Orléans (Subdel. dependa de Parizo).

Jaŝi (Rumanujo). — S-ro G. J. J. Onofrei, Str. Denis 144.

Kaliŝ (Polujo). — S-ro Mieczyslew Kauss.

Kotzchenbroda (Saksujo). — Sro Emil Kramer, Meissnerstr. 9 (Subdel. dependa de Radebeul).

Krasnojarsk (Siberio). — S-ro A. J. Grigoriev, Goubernskoje Akziznoje Oupravlenid.

Saint-Dizier (Or. Francujo). — S-ro Aussenac,, gare St.-Dizier.

Saint-Leu-Taverny (Parizo, Francujo). — S-ro Ernest Aufroy, 1, place de la Forge (Subdel. dependa de Paris).

Scharwoude (Holando). — S-ro P. Znidscherwoude.

Sebenico (Atlantiko). — S-ro O. Nanni, Sufid in Cernica.

Sestri Levante (Nord-Okc. Ital.) — S-ro E. Daneo, advokato.

Simferopol (Suda Rusujo). — S-ro V. A. Krjukov.

Staroĉerkask (Suda Rusujo). — S-ino Anna M. Grineva.

Taylor (Usono, Nebraska). — S-ro R. G. Hulburt (Subdel. dependa de Blair).

Venezia (Nord-Or. Italujo). — S-ro A. Paoli Schwarz, 96, Ponte del Cavalletto.

Warnsdorf (Bohemujo). — S-ro F. Kober, komerca oficisto, VIII, Unionstr. 1.200.

Weinboehla (Saksujo). — S-ro A. Sohrmann, intruisto (Subdel. dependa de Radebeul).

Villeneuve-St.-Georges (Parizo, Francujo). — S-ro P. Berlande, 4, rue Cottreau (Subdel. dependa de Paris).

Entute 930 lokoj.

ŜANĜOJ. — Decazeville: S-ro J. H. Singlard, loĝas nun Soulacre-Bas. — Genova: La Vicdel. estas S-ro D. de Negri, Via Maragliano. — Ĥarkov: La Del. estas nun S-ro M. Kovalevski. — Hyères: La Del. estas nun Sro Léon Besson, telegrafoficisto. — Irkutsk: La Del. estas nun S-ro A. P. Koŝlakov, Amourskaja, 60. — Lwow: S-ro Zatezky, pro transloĝiĝo, ne plu estas Vicdel. — Napolo: Provizore, ne plu estas Del. en tiu loko. — Pleven: S-ro Sim. K. Bardaroff, Str. Varoŝa 1220, estas nun Del. anstataŭ S-ro Krestanof, S-ro K. Valev, gimnazia prof., estas Vicdel. — Praha: S-ro Kühnl, Dotrichovapal, 7, II. 2023, fariĝis Del., anstataŭ S-ro Prochazka.

### ESPERANTIAJ ENTREPRENOJ

Jambol. — *Grupo Esperantista*; P.: T. Atanason; S. K.: Kap. Krŝovski.

Kassel. — *Esperantista Societo*; P.: O. Sandvock.

München. — *Esperanto-Informejo*; dir.: Tr. Fleck, Turkenstr, 96.

Paris. — *Sekcio de la Latina Kvartalo de la Grupo Esp. de Paris.*

Rio-de-Janeiro. — *Unio Sociokrata.*

Warnsdorf. — *Germana Esp. Grupo*; P.: W. Pracht.

Entute 158 Esperantiaj Entreprenoj.

### FINANCA FAKO

Bilanco de U. E. A., je la 1-a de julio 1910.

| | Debito |
|---|---|
| Oficejaj elspezoj (Salajroj, lupago, poŝtelspezoj k. t. p.) | 181 82 |
| Presajoj | 246 74 |
| Elspezoj de Fakestroj | 3 15 |
| Diversajoj | 2 30 |
| | 434 01 |
| | **Kredito** |
| Kotizajoj | 42 53 |
| Esperantiaj Entreprenoj | 13 » |
| Gvidfolioj | 30 » |
| Donacoj | 4 52 |
| Venditajoj | 57 34 |
| | 147 39 |

Kredita saldo, la 1-a de Julio, Sm. 1.240 60.

En & elspezoj por la kongreso laŭ aparta kalkulo.

La Financa Fakestro,
Th. Rousseau,

### FAKO ESPERANTO OFICEJOJ

*Novaj Esperanto Oficejoj.*

Brisbane. — L. W. R. Wirth, 331, Quenn Str.

Bukarest. — Librejo Alcalay.

Cartagena. — J. Garcia Martinez, Str. Mayor, 11.

Chartres. — 46, rue du Soleil-d'Or,

Genova. — Apoteko Domenico de Negri, Via Margaliano 12 rosso.

Leipzig. — Germana Esperanto-Librejo, Sternwartenstr. 40 (nova adreso).

Liverpool. — H. Winterbottom & Cº, 3o, Morfields.

Melbourne. — Edmanson, 23, Block Arcade.

München. — F. Fleck, Türkenstr. 96.

Nevers. — Librejo Mazeron, 25, rue du Commerce.

Sydney. — Geo Robertson, 71, Castlereach St.

Tarnopol. — F. Hlozeck, Uhersky.

### JUNULA FAKO

*Servoj de la junula fako.*

La Delegitoj kaj speciale konsuloj por junuloj estas petataj diskonigi la ĉi-subajn petojn al

la Esperantianoj de sia regiono kaj ilin afiŝigi ĉe la Esperanto-Oficejo.

Mallongigoj :

Adr. : adreso ; al. : dez. veturi al ; T : tempo ; O : okupo ; K : kondiĉoj ; R : rimarkoj.

58. S-ro A Fuhrmann. Adr. : Erlesenstr., 53, II, Magdeburg, German., dez. senpage akcepti francan knabinon (11-15 jara). T. : aŭgusto-Septembro. R. : Li havas du filinojn 12 kaj 13-jarajn.

59. S-ro Desmoulin, studento. Adr. : rue du Clocher St-Pierre, 26, Douai, Francujo, dez. koni anglan familion en kiu li povos restadi ses semajnojn. T. : aŭgusto-septembro. K. : Oni sendu al li informojn kaj kondiĉojn.

*Junuloj dezirantaj korespondi.*

60. S-ro M. Durand, komercoficisto. Adr. : Magasins Cordeliers, rayon 3, Lyon, Franc., 61. S-ro R. Orgeas, kukajisto. Adr. : ĉe S-roj Balandran & Bruchoi, 4, rue de l'Hôtel-de-Ville, Lyon, Franc. ; ambaŭ kun komercoficisto angla. — 62. S-ro E. Rondini, studento 15-jara. Adr. : Sampierdarena, Via Milano 2-5, Genova, Ital., kun junuloj.

# 1ª Kongreso de U. E. A.

**AUGSBURG**
**28 Julio-3 Aŭgusto 1910**

PROGRAMO

*Ĵaŭdo 28 julio*

5 h. *Solena malfermo de la Kongreso.*

Paroladoj de S-roj H. Bolingbroke Mudie, prezidanto de U. E. A. ; de S-ro Wolfram, ĉefurbestro de l'urbo Augsburg, de S-ro W. Beideck, sekretario de la organiza loka komisiono, de S-ro H. Hodler, vicprezidanto de U. E. A. — Ĥoroj.

7 heures. — *Granda komuna manĝo* (Hotelo 3. Mohren).

*Vendredo 29 julio*

9 h. 1/2. — *Unua labora kunveno.*

Raporto de l'Administra Fako (H. Hodler). Revizio de la Statuto (organizo de la Centra Oficejo ; reprezentado de la fakaj asocioj ; regionaj kaj distriktaj kunvenoj ; aprobantoj kaj dumvivaj membroj ; regionaj kasoj. (Raportanto H. Hodler).

Proponoj pri kondiĉoj de Delegiteco (Raportanto : D-ro Stromboli, Del. Genova). Pri elekto de lokaj Delegitoj (Raportanto : D-ro Sos, Del. Wien). Grupoj kaj Esperantiaj Entreprenoj (Raportanto : Th. Kempe, Del. Radebeul).

3 h. — *Dua labora kunveno.*

Raporto de l'konsula Fako. (A. Carles). Raporto de l'fako Esp. Oficejoj (P. Blaise). Plakoj por Esp. Oficejoj kaj Delegitoj (E. Stettler).

8 heures. Veturo al Hochablass. Koncerto kun iluminado kaj fajra artaĵo.

*Sabato 30 julio*

9 heures. — *Tria labora kunveno.*

Raporto de l'Financa Fako (Th. Rousseau). Buĝeto kaj kotizoj por 1911.

3 heures. — *Kvara labora kunveno.*

Raporto de l'Junula Fako (F. Rockmann) Stipendioj por vojaĝo (Raportanto : Th. Rousseau). Esperantiaj sekcioj en la licoj (Raportanto : Th. Rousseau). Esperantia biblioteko : Th. Rousseau).

*Esperantia interkorespondado* (Raportanto : Zilliken, Genova).

8 h. 1/2. Granda publika kunveno, organizata de la instituto de Esperanto. Parolado de Ed. Privat pri *Esperantismo kaj la vivo de la lingvo.*

*Dimanĉo 31 julio*

Komunaj ekskursoj al la reĝaj kasteloj de Neuschwanstein (Horoj konigotaj dum la kongreso).

*Lundo 1 aŭgusto*

9 h. 1/2. *Kvina labora kunveno.*

Raporto de l'komerca Fako (D-ro M. Kandt). U. E. A. kaj laboristaro (Raportanto : H. Hodler). Propono pri varbado de internaciaj kunvenoj kiel Esperantiaj Entreprenoj (Raportanto : P. Linarès, Del. Lord). — Disdonado de reklamiloj (Raportanto : D-ro Stromboli, Del. Genova).

3 heures. *Sesa labora kunveno.*

Internacia organizo de l'komerco (raportanto : W. A. Vogler, Del. Hamburg). Servo de jurnalo « Esperanto » por la internacia komerco (same). La mono-formato kaj ĝiaj aplikoj (Raportanto : J. Schmid). Reformo de l'kalendaro (Raportanto : Th. Rousseau).

5 h. 1/2. — Malfermo de la Kongreso de T. E. K. A.

8 h. 1/2. — Varietea vesperfesto. Balo.

*Mardo 2 aŭgusto*

9 h. 1/2. — *Sepa labora kunveno.*

Raporto pri la turisma fako (karavanoj, hoteloj, esperantiaj kolonioj, k. t. p. (J. Schmid). Gvidfolioj kaj gvidlibroj (Raportanto : J. Schmid).

3 heures. — *Ferma kunveno*

Fino de la aktualaj traktaĵoj.

Legado de la deziresprimoj.

Fermaj paroladoj.

5 h. 1/2. — *Kunveno de T. E. K. A.*

8 h. 1/2. — Ĝardena festo en la urbo ĝardeno kun koncerto kaj iluminado.

*Merkredo 3 aŭgusto*

Kunvenoj de T. E. K. A. kaj aliaj fakaj organizaĵoj (horoj konigotaj dum la kongreso).

Ekzamenoj de la instituto de Esperanto.

*Post la Kongreso*

Ĵaŭde kaj vendrede 4-5 aŭgusto, vizito de Munheno kaj ĝiaj muzeoj. Sabate 6 aŭg. vizito de l'Munhena ekspozicio. Dimanĉe 7 aŭg. ekskurso al la lago de Starnberg, kaj laŭvola ĉeestado je la prezentado de la Kristsuferado en Oberammergau.

(Detala programo dum la Kongreso).

*Diversaj avizoj*

∴ Ĉiuj kunvenoj okazos en la hotelo 3-Mohren.

∴ Alvenante ĉiuj kongresanoj bonvolu tuj iri al la akceptejo, kie oni donos al ili, post prezento de la kongreskarto, la kuponaron (se mendita) kaj la kongresajn dokumentojn.

∴ La personoj posedantaj helpkongresan karton povos ĝin interŝanĝi kontraŭ kongresa karto, pagante nur la diferencon, t-e. 2 Sm.

∴ Ĉiuj pluaj avizoj koncernantaj la kongresajn aferojn estos afiŝataj ĉe la akceptejo.

∴ La personoj, kiuj ne havas kuponaron, povos trovi informojn pri loĝejoj, k. t. p., ĉe la akceptejo.

*La Internacia unuiĝo de esperantistaj vegetaranoj* sciigas al siaj anoj kaj amikoj, kiuj vojaĝas al la kongresoj en *Aŭgsburgo*, ke ili trovos bonan kaj malkaran vegetaran nutraĵon kun senalkoholaj trinkaĵoj en la vegetara restoracio « Ceres », en Bureauhaus D 202-1, kontraŭ la Urbotaĉo. La distanco de la stacidomo estas nur dekminuta. La restoracio troviĝas sur la unua etaĝo. Liftoj kondukas al ĝi. Ĝiaj belaj manĝejoj povas gasti sesdek personojn. Loĝejoj por gastoj ne troviĝas tie. La manĝejoj estas malfermitaj de oh mat. ĝis 10h. vesp.

*La Germana Kongreso*

La Vª *Germana Esperanto Kongreso* okazos en Augsburg de la 26-a ĝis la 28-a de julio, kun la jena programo :

*Mardo 26 julio*, 9 h. — Malfermo de l'Esperanto-Ekspozicio en Hotel 3-Mohren. Kunveno de la estraro de G. E. A. 3 h. Formo de l'kongresa estraro kaj komenco de la ekzamenoj de G. E. A. 7 h. 1/2. Festa malfermo de l'Kongreso.

*Merkredo 27 julio*, 8 h. 1/2. — Kunveno de Bavara Ligo.

10 h. Kunveno de G. E. A. Ekzamenoj de G. E. A.

1 h. 1/2. Komuna tagmanĝo kun muziko (3-Mohren). Prezo : 1,50 Sm.

4 h. — Kunveno de G. E. A.

8 h. Granda ĝardenfesto kun iluminado kaj koncerto en Schiessgraben.

*Ĵaŭdo 28 julio*, 10 h. — Kunveno de G. E. A. Dum la tago vizito de l'urbo,

3 h. Fermo de la Kongreso.

La kongreskarto kostas 2 Sm. por membroj de G. E. A., kaj 2,50 Sm. por nemembroj. Helpkongresaj kartoj da 1 Sm. por personoj kiuj ne povas ĉeesti, sed deziras helpi la Kongreson.

*La kongreso de T. E. K. A.*

Ĝi malfermiĝos lundon je 5 h., daŭros mardon kaj merkredon. La detala programo estos konigata dum la Kongreso de U. E. A. Jam pluraj diverslandaj kuracistoj promesis ĉeesti je tiu interesa manifestado.

*Ekskurso de T. E. K. A.*

Post la kongreso de T. E. K. A. estos organizata, sub la aŭspicioj de U. E. A., ekskurso de T. E. K. A. tra la banlokoj, laŭ la jena programo : 4-5 aŭg. vizito de *Munheno* ; 6 aŭg. *Bad-Reichenhall* ; 7 aŭg. *Ischl* ; 8 aŭg. *Marienbad* ; 9 aŭg. *Franzensbad* ; 10 aŭg. *Karlsbad* ; 12 aŭg. *Praha*.

Krom tio estas intencataj kelkaj malgrandaj ekskursoj (ekz. dum lasta tago de Kongreso) el Augsburg al Wœrishofen, poste el Bad. Reichenhall al Berchtesgaden, fine el Ischl al Aussé kaj el Praha al Luhaĉovice (Moravio). La tuta ekskurso daŭros 10-12 tagojn. Ĝi kostos proksimume 60-70 Sm. (sen Luhaĉovice). Reprezentantoj de T. E. K. A. en banlokoj vizitotaj dum la ekskurso estas jam informitaj kaj promesas fari ĉion por la sukceso de tiu entrepreno. Programo dum la Kongreso.

∴

*La vojaĝoj al la Kongreso*

Ni liveris en nia lasta nº la liston de la plej rekomendindaj vagonaroj el la ĉefaj urboj. Oni bonvolu konsulti ĝin kiel ankaŭ la informojn pri la vojaĝmanieroj.

Kelkaj Delegitoj aranĝis komunan veturon de la partoprenantoj de sia distrikto.

*Por la Britoj*

∴ La *Britaj Samideanoj* foriros sabaton 23 julio je 9 h. mat. per la ŝipo de general Steam navigation Co (el St-Katharine's Wharf, London-Bridge) ĝis Ostende. Dimanĉe, restado en la fama banloko Ostende. Lunde kaj marde, partopreno je la *Esperanta Semajno en Bruselo* kaj vizito de la Universala Ekspozicio. Merkrede, foriro al Augsburg, tra Stuttgart kaj Ulm. Ĉar Augsburg estas tre centra loko, la revenvojoj estos liberaj. La Britoj prenos nur ir-biletojn de la IIIª klaso kaj laŭplace elektos la vojon por reveno. Oni projektas postkongresajn ekskursojn al Dolomitoj, Salzkammergut, Tirolo kaj se eble al la grandaj urboj de Danubo.

Por ĉiuj informoj, sin turni al S-ro H. Bolingbroke Mudie, 77, Kensington Garden Square, *London*.

*Post Bruselo*

∴ La partoprenantoj de la *Esperanto Semajno en Bruselo* povos foriri el Bruselo merkredon je 11 h. 28 vesp. (Bruxelles-Nord) kaj alvenos en Augsburg Ĵaŭdon je 4 h. 09 vesp. Prezo : 19,35 Sm. (II-a Kl) ; 12,80 Sm. (III-a Kl).

∴ Dum vojaĝo nenia Esperantiano forgesu surhavi sian insignon de U. E. A. kaj kunporti : 1º) la membrokarton ; 2º) la jarlibron (*lasta eldono*) ; 3º) kolekton de gvidfolioj. Oni ĉie uzu la servojn de nia Asocio.

∴ Dum la postkongreso en München estos Esperanto-Tago en la ekspozicio Munchen 1910, la 6 aŭgusto. La direkcio de l'Ekspozicio sendaspe donis oficiejon al la Esperantistoj. Tial multaj partoprenu la Esperanto-Tagon en la Munhena ekspozicio. La kartoj kostas Sm. 0,50 kaj devas esti mendataj ĝis la 15 julio ĉe Esperanto-Informejo, Fr. Fleck, Türkenstr. 96/I München (Oni akceptas transpagilojn).

∴ Nova muziko de « La Espero » estis eldonita kaj dediĉita al U. E. A. okaze de ĝia unua kongreso. Oni kantos ĝin en Augsburg kiel ankaŭ la *Marŝon de la Esperantianoj*, verkitan de S-ro Scarselli, Del. en Firenze, kies paroloj estas jenaj :

Marŝu antaŭen Esperantianoj,
Avangardo de la batalantoj
Por la paco, pioniroj fervoraj,
Dissemantoj de vivo kaj am !...
El ĉiuj landoj, de ĉiuj rasoj,
De ĉiuj partioj kaj religioj,
Leviĝu unu voko, leviĝu unu kanto,
Parolu unu lingvon, parolu Esperant' !...
Nek riveroj, nek alpoj, nek maroj
Estu baroj al frataj rilatoj,
Kaj suspektoj, konfliktoj, malamoj
Malaperu tra la tuta mond' !...
El frostaj maroj al landoj varmegaj
Kaj el la uragana al kvieta oceano
Kunplektu gefratoj l'amikajn viajn manojn,
Ĉar sun' profetita leviĝas jam !...

## Esperanta Festsemajno de Bruxelles

Por ebligi, ke la Esperantistoj el ĉiuj landoj povu viziti tre agrable kaj malmulte koste la *Grandan Universalan Ekspozicion*, kiu okazas nun en Bruxelles, loka grava Komitato fondiĝis por aranĝi en Bruxelles *Esperantan Festsemajnon*.

La Komitato, kies Prezidanto estas S-ro Senatano Lafontaine, kaj Sekretario S-ro Gaston Berger, konsistas el tre konataj kaj fervoraj Esperantistoj.

**Programo.** — *Vendredon 22 de Julio.* — Vizito de la urbo kaj de la muzeoj. — Vespere : kunveno de la Esperantistoj.

*Sabaton.* — Vizito de la Ekspozicio de la « Internaciaj Asocioj » (Palais du Cinquantenaire). Vizito de la « Universala Ekspozicio ». — Vespere : Kunveno de la Esperantistoj, koncerto, teatra prezentado.

*Dimanĉon.* — Vizito de la Ekspozicio, vizito de la urbo, vizito de la Universala Ekspozicio. — Vespere : Festo en Bruxelles-Kermesse.

*Lundon.* — Matene : Ekskurso en Tervueren. — Je la kvara, en la Universala Ekspozicio, partopreno je la Dua Internacia Kongreso de la periodaj gazetoj, publikaj diskutoj en Esperanto, koncerto, teatra prezentado ; je la sepa, festeno en la Restoracio Dusseldorf ; je la oka, festo en Bruxelles-Kermesse. — Balo.

*Mardon.* — Partopreno de la Delegitoj en la Kongreso de la perioda gazetaro. — Por la nedelegitoj, promenadoj en la urbo kaj la ekspozicio.

Pli, ekzistas speciaj aranĝoj por la personoj, kiuj povos nur disponi *unu, du aŭ kvin tagojn por viziti la ekspozicion.*

El Bruselo oni facile povos veturi Augsburgon. (Prezo : 19,85 Sm., IIª K. — 12,80 Sm., IIIª K.

**Organiza Komitato.** — *Ĉar dum la Universala Ekspozicio estas tre malfacile trovi loĝejon malkaran en Bruxelles,* ĉiu kiu intencas partopreni la Esperantan semajnon, bonvolu sin turni al : *S-ro de Skeel-Giœrling, 3 bis, rue de la Régence, Bruxelles.*

Por la Francoj, speciala organiza komitato aranĝis vojaĝon laŭ rabata prezo. Oni trovos plenajn detalojn en la franca gazeto « Franca Esperantisto ». Ĉiuokaze sin turni al : *S-ro F. Blangarin, 17, rue du Temple, Paris.*

La Esperantianoj sin turnu al nia Bruselo Delegito *S-ro Matthieux, 49, Marché aux Poulets.*

## Esperantista Ekskurso al Danujo kaj Svedujo

Jen la programo de ĉi tiu interesa ekskurso organizita sub la aŭspicioj de U. E. A. :

1ª de Septembro (ĵaŭdo) : el Kopenhago per vaporŝipo al Malmoe, promenado en Malmoe kaj vizito en Lund.

2 de Septembro : el Malmoe al Stokholmo, vesperkunveno en Stokolmo.

3-5 de Septembro : du tagoj en Stokholmo ; en unu tago vojaĝo per vaporboato al Upsala, reen vespere per vagonaro.

6 de Septembro : el Stokholmo al Karlstad, vespere.

7 de Septembro : el Karlstad postagmeze alveno al Gotenburgo vespere.

8 de Septembro : en Gotenburgo.

9 de Septembro : adiaŭa kunveno, disvojaĝo.

En Kopenhago, okazos je la 28-31 de Aŭgusto, socialista Kongreso en kiu oni deziras enkonduki demandojn pri internacia lingvo ; kompreneble, estus tre interesa havi multe da samideanoj por triumfigi Esperanton.

Do oni tre ĉele forlasos Parizon la 21 aŭ 25 Aŭgusto laŭvole traironte Bruxelles kaj Hamburg. Oni alvenos en tiuĝa tempo Kopenhagon por ĉeesti la tiean socialistan Kongreson.

Pri la prezo de la fervojo, oni devas kalkuli tiamaniere : Rondira bileto tra plej rekta vojo : Paris, Kœln, Kopenhag, Stokholm, Gœteburg, Paris : 3ª klaso : 59,13 Sm., 2ª klaso : 91,36. 1ª klaso : 134,62 Sm.

Pri la loĝado kaj la restado en Svedujo, plej bone zorgos enlandaj samideanoj kiuj klopodos rezervigi ĉambrojn laŭ plej malaltaj prezoj.

Por havi nenian malagrablan surprizon oni devas kalkuli proksimume 4 Sm. tage por nutrado kaj loĝado.

Pri la biletoj sin turni al « Voyages Pratiques », S-ro Junot, 5, rue de Rome, Paris kaj por ĉiuj informoj al S-ro Lundgren, Del. en Hedemora (Svedujo).

La anglaj partoprenantoj, por kiuj estos verŝajne aranĝata speciala karavano al Kopenhago sin turnu al S-ro Ed. Parker, Subdel., 133 High Holborn, London, W. C. La vojaĝo de Hull ĝis Kopenhago (Iª kl.) kostas 36,30 Sm. La Kongresbileto kostas 3 1/2 Sm. La Kopenhagaj samideanoj aranĝos malkarajn loĝejojn, se oni sciigas ĝustatempe.

## VARIETEA MONDO

GRAVA INFORMO. — Dum la Kongreso de U. E. A. en Augsburg, nia ligo aranĝos kunvenon de l'liga konsuloj, okazonta la 30-an de Julio 1910 je la 11-a matene en Palast Hotelo.

La temoj, priparolataj estos jenaj :

1e. Kiamaniere konsulo de V. E. L. povas propagandi en varieteaj rudoj senpene kaj sen oferi tro multe da tempo ?

2e. La instruado en la V. E. L.

Ni sincere invitas ĉiujn samideanojn, kiel eble plej multnombre partopreni je nia unua internacia kunveno de liga-konsuloj kaj restas kun liga saluto altestimplene.

LA ESTRARO.



# Esperanto-Movado

**Amerika Esperantisto** (Julio).

Grandparte dediĉata al la preparoj de la Sesa (vidu aliloke la programon). S-ro Baker alloge priskribas la programon de la Kongreso, kiu ŝajnas prave inspirita de la Krembriĝa ekzemplo. Interesa gvidilo tra Washington kun ilustraĵoj. S-ro Baker faris sukcesan duan propagandan vojaĝon tra Usono, en ŝtatoj Wisconsin, Iowa, Illinois, Ohio, Virginia, New-York, Maine, Massachusetts, Connecticut, Jersey, Pennsylvania, Delaware. S-ro Baker konkludas : « Ĉie mi trovis, ke estas granda populara intereso pri Esperanto, pli malpli klara kompreno pri ĝia celo, kaj multaj miloj kiuj tute ne studos la lingvon tamen komprenas pri ĝi kaj aprobas la ideon. Ili tute volas, ke oni instruu ĝin en publikaj lernejoj ».

**Belga Esperantisto** (Junio).

Oni ĝojas pri la rezultatoj de la dua belga Kongreso : « For estas la tempo kiam dum niaj kunvenoj oni perdis multekostan tempon por altrudi ĥimerajn teoriojn pri plibonigo (?) de nia lingvo, ne atentante ĝiajn tiel ofte pruvitajn ecojn, taŭgajn por ĉiuj fakoj de la homa aktiveco ! Revekiĝinta estas la sana spirito de niaj samlandanoj ! Konstrui estas ilia celo, ne detrui ! ili ne klamas, ili laboras... ». En tiu Bruĝa Kongreso, ĉeestis 350 personoj, el kiuj pluraj fremduloj. La Belga Ligo nun kalkulas 26 grupojn. Dum la jaro estis organizitaj 48 kursoj kaj enskribiĝis 800 lernantoj. S-ro F. Swagers faris rimarkindan paroladon pri le temo « Esperantistoj vi kantu ! » : « ... Esperanto etendas sin sur la tuta mondo. Kiel ĝi la muziko estas artefarita internacia lingvo. Ni admiras de niaj najbaroj la pentraĵojn, skulptaĵojn, la versaĵojn, rakontojn, k. t. p. Kial ni ankaŭ ne eklernus iliajn plej belajn kantojn ? Kial limigi tian lernadon ĝis nur la germanoj kaj la francoj ? Por ni la fremda lingvo en la kanto neniel estas malhelpo. Al ni, Esperantistoj, la grava kaj gaja tasko eklerni kaj ekkonigi la kantojn de ĉiu popolo... Ni invitu niajn fremdlandajn samideanojn traduki por ni siajn plej agrablajn kantojn kaj sendi la tekstojn kun la muziko al ni : ni interŝanĝu la popolajn kantojn ! Ni unue ne elektu naciajn, patrujemajn, tro ofte militemajn kantojn. Ili ne taŭgas por nia celo : Esperantismo, per sia propra karaktero, rangigas la homamecon, la pacemon, la internaciecon antaŭ la militemo, la nacieco... En ĉiu esperantista kunveno, kantu ! Post ĉiu grava laboro, ni kantu ! Ĉe ĉiu ekskurso, ni kantu, ni kantu ! ». Interesa raporto de nia Del., S-ro Van Aubel pri « Esperanto kaj Junuloj ». Diversaj interesaj kaj vere Esperantistaj tostoj estas legindaj.

**Bristish Esperantist** (Julio).

Granda sukceso de la Esp.-Tago ĉe la Japan-Brita Ekspozicio. Vendiĝis pli ol 1500 biletoj en ĉiuj partoj de l'Brita Esperantujo. Okazis diversaj paroladoj kaj festoj antaŭ granda publiko — kunvenoj kun festoj en Bedford, Brighton-Hove, Leigh, Liverpool — Sukcesa kvina Skota kongreso en Glasgow ; 150 samideanoj ĉeestis — kunveno de la federacio de Lancashire-Cheshire kun multaj partoprenantoj — En Aŭstralio, K-lo Pollen faris serion de paroladoj. En ĉiuj grupoj vizititaj, li trovis varman entuziasmon kaj la veran spiriton de l'Esperantismo — Raporto pri la kunveno de la B. E. A. La Komitato konsistas jene : K-lo Pollen, prez. ; S-roj H.-B. Mudie, Rev. J.-C. Rust, Warden, miss Lawrence, Cl. Bicknell, Hœveler, Cox, Stead, vicprez. ; Chatterton, kasisto.

**Dana Esperantisto** (Junio).

Raporto pri la Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj, La Esperanto-Kongreso, organizita de la Dana Ligo, okazos la 29-30-31 Aŭgusto. Kongreskarto : 3 1/2 Sm.

**Germana Esperanto-Gazeto** (8 Junio).

Sekvo de la interesa artikolo de D-ro Kandt por la Instituto de Esperanto. Dum majo aliĝis al G. E. A. 10 grupoj kun 172 membroj. Novaj grupoj de Esp. Laborista Ligo en Cottbus, Gœrlitz, Zwickau, Altenburg, Nürnberg, Stuttgart.

**Kataluna Esperantisto** (Junio).

La 1-a Kongreso de la Katalunaj Esp-istoj okazis en Sabadell, kun ŝatinda sukceso. Oni decidis organizi Literaturan Konkurson laŭ la modelo de la Floraj Ludoj — En Barcelona okazis mara ekskurso kun 200 samideanoj, novaj kursoj kaj paroladoj. Festo en Terrassa kaj Reus. Nova grupo en Mataro. La kataluna Esp. Federacio havas 18 grupojn.

**Kaŭkaza Esperantisto** (Junio).

Nova gazeto redaktata en diversaj kaŭkazaj lingvoj kaj Esp. En Tiflis estis 10-a kursanoj dum la vintro. Movado komencas en Persujo.

**Japana Esperantisto** (Februaro-Marto).

Diversaj interesaj raportoj pri Ekstrem-Orientaj aferoj. D-ro Kroita, vicprez. de la Japana Esp. Asocio, kiu travojaĝis la mondon uzante Esp. estis solene akceptita en Tokio.

**Franca Esperantisto** (Julio).

La tri federacioj de la Pariza regiono, de centro-okcidenta kaj la junuloj interkonsentis por realigi kiel eble plej baldaŭ unuiĝon de la francaj federacioj, kies sidejo estas ĉe la centra oficejo Esp. Tiu organizaĵo preparas diversajn propagandajn servojn. En Saint-Etienne okazis plensukcesa kongreso de la Rodana Esp-Federacio (19 junio) kun cento da personoj. Tiu Federacio, en plena prospereco, kalkulas 18 grupojn. Ĝi decidis elekti « Franca Esperantisto » kiel organon kaj, post diskuto ĉe kiu parolis S-ro Dor (por la S. F. P. E.) kaj S-ro Bourlet (por la unuiĝo de la Federacioj), ĝi decidis aliĝi nek al la unua nek al la dua el tiuj organizaĵoj, ĝis la estonteco montros, kiu estas la pli taŭga ĉe la festeno, diversaj tostoj inter aliaj de S-ro P. Faure, urbestro, pri Esp. kaj laboristaro, represita en nia franca aldono. Kunsido de la Normanda federacio en Le Havre. Parolado en Alençon, Lumbres ; grupo en Argentan, Armentières (junuloj). Festoj en Boulogne, kaj Saint-Chamond. La Kongreso de la Norda Federacio okazis la 5-a Junio en Amiens kaj brile sukcesis. Post la festeno, la kongresanoj deponis floraron ĉe la busto de la fama aŭtoro Jules Vernes, Esperantisto-Kongreso de la Pariza Federacio en Charenton la 12-a junio 22 grupoj estis reprezentitaj. Per 44 voĉoj kontraŭ 7, la Federacio decidis ne aliĝi al S.F. P. E. kaj aliĝi al la kunfederacio. Sekvis ĝoja festeno. Festo en Château-Thierry, ekspozicio en Ivry. Parolado de S-ro Bourlet ĉe la Internacia Kongreso de l'moderna oficejo. En Lille, parolado de S-ro Gautherot, pri patriotismo kaj Esp.

**Bulletin officiel de la S. F. P. E.** (Julio).

La societo kalkulas 5 federaciojn, 108 grupojn, 4927 membrojn. Oni elektis diversajn laborajn komisionojn. La komitato decidis konigi la ekziston de U. E. A. al la ministraro de publika instruado pri la forvojaĝo de la junuloj eksterlanden.

**La Movado (Esperanto-Nouvelles)** (Julio).

Monata gazeto pour propagando. Enhavas utilajn notojn notojn pri Esp. movado en Francujo.

**Lumo** (Aprilo-Majo).

La venontan jaron, okazos Apuddanuba Esp. Kongreso en Belgrado kaj Bulgara Esp. Kongreso en Sofia. Grupfestoj en Batak, Haskovo, Ŝumen. La Bulgara Ligo enhavas 17 grupojn.

**Ondo de Esperanto** (Majo).

Plena programo de la Kongreso de U. E. A. kun speciala artikolo pri ĝi. Tutrusa Kongreso okazos en Moskvo dum 1910. Fondiĝis societoj en Odessa, Zaporojje, Ufa. En Saratov kurso kun 70 lernantoj.

**Rund um die Welt** (Julio).

Interesaj propagandartikoloj germane. En Wien okazis 1-a tutaŭstria Esp. Tago kun 120 partoprenantoj. Tre plena sukceso de tiu unua manifestado, kiu en 1911 okazos en Praha.

**El Brazilujo** (ker speciala raporta).

En Petropolis okazis kun la plej rimarkinda sukceso la 3-a Brazila Esp. Kongreso, sub la prezido de la urbestro de Petropolis. Ĝi deklaris firman apogon al la Brazila Ligo, esprimis deziron pri la disvastigo de U. E. A. en Brazilujo, k. t. p. Ĉiuj Brazilaj gazetoj raportis pri tio.

**Sveda Esperantisto** (Junio).

Bonega artikolo pri « Al la mondpaco per Esperanto » : « ... En la Esperantista mondo ne estas teorio nur, sed per spertoj akirita scio, ke aliaj nacioj, kiel la propra ĝenerale konsistas el bonaj kaj amindaj homoj. Esperantisto, kiu dum iom da tempo uzis Esp. ne havas tiun antaŭsupozon, ke iu « fremda » nacia, konsiderata kiel tuto, konsistas el egoistaj negocemuloj aŭ el senkulturaj barbaroj... La esperantismo — te la ideo nedisigeble ligita kun la disvastigo de Esperanto — estas malalte taksata de kelkaj profesoroj — lingvistoj, kiuj en la laste pasintaj jaroj, ĝuste kiam Esperanto sen ili atingis grandan praktikan valoron, bonvole prezentis sin al ni kiel aŭtoritatojn pri afero absolute fremda al ili. Abnorme sinŝatantaj personoj ekzistas ankaŭ, kiuj — blindaj je ĉio, ekskluzive la propran eminentecon — ne kapablas kompreni la sencon de la esperantismo. Sed tio signifas nenion ! La esperantismo tamen ekzistas ! Kaj ĝi daŭros vivi kaj flori. Esperanto estas nur lingvo, sed ĝia celo estas kunfratigi la naciojn. La esperantismo celos pliproksimiĝon inter la nacioj, ne per skribitaj kontraktoj, sed per ligiloj de amikeco ».

⁂

**Oficiala Gazeto Esperantista** (Junio).

S-ro J.-F. Twombly, New-York, eksiĝis el la L. K. Programo de la Sesa Kongreso. Por la Internacia Financa konsilantaro, jenaj personoj estis elektitaj ĝis nun ; S-ro Van der Biest (Belgujo) ; F-ino Noll (Danujo) ; S-roj Mybs, Mobusz, Kandt, Schiff, von Frenckell (Germanujo) ; S-roj Evstifeieff, Postnikoff (Rusujo) ; S-ro de Saussure (Svisujo). Laŭ la statistikoj de la Centra Oficejo ekzistis, en 1909, 106 gazetoj, 1447 grupoj, 1327 libroj. La nombro de la libroj kreskis jene ; 1889 : 29 ; 1894 : 88 ; 1899 : 123 ; 1904 : 211 ; 1909 : 1327. Oficiala Informilo de Scienca Asocio, U. E. A. Esp.-istaj Vegetaranoj.

**La Revuo** (Junio).

Daŭrigo de la Genezo, de D-ro Zamenhof kaj de la monografio pri Velazquez (premiita ĉe Iª Floraj Ludoj) de S-ro V. Dufreutel. En « Babilado » S-ro C. Bourlet rakontas pri la mondkongreso de la Internaciaj Asocioj en Bruselo, Esperanto kaj Idistaj klopodoj.

**Juneco** (Junio).

S-ro Heydweiller traktas la demandon pri organizo de la junuloj. Diversaj eksiĝoj kaj aliĝoj al la Franca Federacio de la Junaj Esp.-istoj, sekve de ĝia aliĝo al la unuiĝo de la Federacioj. Fondiĝis Belga Federacio de la junaj Esp-istoj, post parolado de S-ro V. Aubel en Bruges. La Germana Federacio kalkulas 56 membroj. Diversaj novaj grupoj en Francujo.

## Internacia Instituto de Esperanto

### Ekzamenoj en Augsburg

Speciala kunsido de ekzamenoj okazos en Augsburg okaze de la Kongreso de U. E. A. *Merkredo 3an de Aŭgusto.* La juĝantaro konsistos el eminentaj esperantistoj el diversaj nacioj.

Ni tre rekomendas al tiuj, kiuj dezirus akiri la *Ateston pri Kapableco* aŭ *Profesoran Diplomon*, ke ili profitu tiun okazon provi la parolan parton de la ekzameno.

### Kunveno en Augsburg

*Sabaton 28an de Julio* okazos en Augsburg dum la vespero granda publika kunveno de l'Instituto, ĉe kiuj parolados *S-roj H. Hodler* kaj *Edmond Privat* pri la vivo de Esperanto kaj la unueco de la lingvo.

Ĉe la fino de tiu ĉi kunveno oni povos sin enskribigi por ekzameno kaj peti informojn pri la Instituto.

ATENTU! — S-ro v. K. Krestanof, prof. de Esp. en Pirdop (Bulgar.) atentigas pri sia nuna adreso (li plu ne estas en Pleven) kaj ĝentile petas, ke ĉiu eldonisto (gazeto, libro, eĉ malgranda paperajo) sendu al li post apero; tuj post ricevo li ĝin pagos.

AERVETURADO. — Ĉiu kiu interesiĝas pri aerveturado sendu siajn adresojn kun montro de profesio al S-ro I. N. Zasovskij, Melitopol (Rusujo).

GEESPERANTISTOJ vizitontaj Berlinon skribu al S-ro Marx, turisma konsulo, 11, Lindenstr. Berlin G. W. 68.

KOMERCOFICISTOJ. — S-ro Nicolau, Str. Decebal,5,Bukarest (Ruman.) dez. koni la staton de la komercoficistoj en la diversaj landoj.

GAZETISTOJ! — Mi petas miajn kolegojn kaj ne-ĵurnalistojn sendi al mi (por presigi en gazeto) aktualajn leterojn, kiam okazos interesaj faktoj en la politika, sociala kaj alia fako, katastrofoj k. t. p. Mi volonte sendos tiajn leterojn el mia lando kaj pri demandataj subjektoj al ĉiuj, kiuj volas interŝanĝi tiajn korespondaĵojn kaj sciigos al mi ilian nomon kaj adreson S-ro J. Pastoor, gazetisto, 's Hertogenbosch (Nederlando), Brugplein, 6.

MARKOJ. — Mi interŝanĝas aŭ aĉetas kolektojn de markoj. S-ro J. Bresler 4332 Armitage Av. Chicago, Ill, U. S. A.

INTERNACIA ASOCIO DE INTRUISTOJ. — Por respondi al multaj demandoj kaj deziroj la Prez. de I. A. I. informas, ke la 1. Aprilo S-ro Ĉejka skribis, ke la tria kajero de Internacia Ledagogia Revuo estas kompostata. Oni do povas esperi baldaŭan ricevon kaj kontentigon. I. A. I.-anoj vizitontaj la ekspozicion en Bruxelles estas petataj elekti la 1-an de septembro. Tiun tagon, ili povos renkonti komitatanojn, almenaŭ la Prezidanton kaj la Sekretarion ĉe la gastatablo de « Le Moulin d'Or », 30, strato d'Assaut, apud la preĝejo S-te Gudule.
Oni memoru kaj diskonigu!

LERNANTOJ bezonantaj ripozon kaj refortiĝon trovas plej bonan kaj plej malkaran restadejon en la feria hejmo *Instituto Langnaŭ*, Kantono Berno. Plej zorge organizita domo. Eksterordinare saniga loko. Laktokuracado, instruado laŭdezira de Esperanto. Pluaj informoj per la Direkcio aŭ per J. Schmid, Esperantio, Bern, Svisujo.

LA ESPERANTA INSTRUISTO, ĉiumonata. — Utila por alilanduloj, kiuj samtempe akiras la Esp. kaj angl. lingvojn. Specimeno : 8 Sd. Jarabono : 75 Sd. Oni akceptas p.-markojn, k. t. p. Administrejo : 135, Sellincourt Rd., Londono S. W. Anglujo.

DELEGITOJ! Prezarojn petas Rotterdamsche gereedscharhandel, Nieuwe Markt, 11, Rotterdam, Nederlando. Societo por la vendado de iloj kaj maŝinoj por buĉistoj.

KONTINENTAJ PRODUKTOJ. — Firmo havanta urbcentran kontoron kaj vojaĝiston vizitantan eksportistojn kaj fabrikistojn volas reprezenti fremdajn firmojn A. Beverley and Co, Manchester.

PENSIONO. — Ĝenevo (Svisujo), Villa les Mélèzes, 17, chemin des Chênes. Pensiono por fraŭlinoj, saniga situacio, ellernado de franca lingvo kaj kompletigo de la edukado. Hejma vivado. Prospekto Esperanta ĉe la direktorino. Por pluaj detaloj sin turni al la direktorino.

ŜPARMONO 4 %. — Eldonejo « Esperanto ». Leipzig, Langestrasse, 27, Germanujo.

PENSIONO. — Familio de geprofesoroj ĉe la superaj lernejoj akceptus kelkajn fraŭlinojn en pensiono. Vivo agrabla kaj gaja. Centra hejtado. Ĉarma artista hejmo kun mirinda situacio kaj bonega aero, borde de l'fama Geneva lago (*France*, Esperante, germane, angle). Adr. : S-ro Vittel, prof. « La Vegnetta ». *Morges* par *Lausanne* (Svisujo). *Esperanta prospekto* laŭ peto.

INDUSTRIA AGENTO posedanta seriozan klientaron, vizitanta orienton, centron kaj sudon de Francujo, proponas sian kunlaboradon al fremdaj firmoj por riprezenti ilin en Francujo.
Proponas ankaŭ deponejon por industriaĵoj aŭ komercaĵoj. Skribi al S-ro Macary, 27 strato Bonnard, Lyon, Francujo.

POR JUNULOJ. — F. L. G. Maréchal, B.-A. Direktoro (Lingva fako), Northern institute, internacia komerca lernejo, prezidanto de Internacia Asocio de Instruistoj, 384, Kingston Terrace, Leeds, Anglujo, akceptas fremdajn junulojn kiuj deziras ellerni la Angl. Lingvon kaj komercajn metodojn. Banejo; biliardĉambro, fumĉambro, k. t. p. Jare 500 Sm.

PLUMBISTOJ. — S-ro J. Forrestier, 29, Bank st. Aberfeldy (Skotlando) dez. koresp. kun sammetiistoj pri iliaj metodoj.

RUSO serĉas oficon ĉe iu ajn oficejo. Konas rusan lingvon kaj Esperanton, iom la francan kaj germanan. Skribas maŝine. Havas ateston. Adresu al S-ro S. Sosnovski, queue d'Arve, chemin de l'Aire, campagne Gœtz, 5, Acacias, Genève (Svisujo).

## Komercaj reklamoj

BLAZONA HERALDIKA INTERNACIA OFICEJO (Piarza S. Croce N-o 8, Firenze, Italujo). — Familiaj blazonoj, genealogiaj arboj, familiaj historioj, heraldikaj nobelaj dokumentoj, Sciigoj pri heraldikaĵoj. Blazonŝildetoj po Sm. 4 (10 fr.) Historietoj pri familioj : Sm. 8 (20 fr.)

## ĈAMPANO ESPERANTO

Pro sia bongusto, pro sia natureco, pro sia komerca marko : « La Verda Stelo », tiu ĉampanvino de la firmo Gustave Ivernel ĉe Ay-Champagne, Francujo, speciale taŭgas por Esperantistaj kongresoj, festenoj, kunvenoj, k. t. p.
Po 1 botelo : Sm. 1.40, 1.40, 2 laŭ kvalito; Fr. 2.75, 3.50, 5 laŭ kvalito. La botelo prenita ĉe Ay.
Por mendoj, informoj kaj prezaroj sin turni al :
S-ro WILLERMOZ, U. E. A., N° 19 - 44.94.1 ĝenerala riprezentanto por la tutmonda Esperantujo.
Oni petas pri fidindaj subagentoj.
*Quai Lunel, 24, Nice, France.*

## CITROJ

MAX AMBERGER. — Munĥeno, Mullerstr. 8. Reĝa Bavara kortegliveranto. Konstruejo por ĉiuspecaj majstre manlaborataj citroj; koncert-citroj kun plej forta tono kaj mondkonata plej facila ludebleco kaj kantemeco. La plej belaj citroj de la estanteco. Majstraj gitaroj, liutoj mandolinoj, violonoj, tenejo de memŝpinitaj daŭremaj kordoj.
Illustrita katalogo senpage kaj afrankite ricevebla.
Oni korespondas Esperante!

GRANDA HOTELO DU GLOBE, Paris, 71, rue Monge (apud rue Lacépède). Posedanto A. Leclerc. Proksime stacidomoj Austerlitz-Lyon-Montparnasse kaj Sportoĝardeno Sorbonne-Luxembourg'a ĝardeno. Ĉambroj de 0,80 Sm. ĝis Sm. 2. La gemastroj estas esperantistoj.

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ Esperantaj por elekti. Mendu prezaron de Eldonejo Esperanto Germanujo; Leipzig, Langestr. 27.

9 LAMPIONOJ, formante la vorton Esperanto, Sm 1.50 kaj sendelspezoj. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langstr., 27.

150 ESPER. POŜTKARTOJ diversaj Sm. 4.50 (100, 3 Sm.). Mendu prezaron. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langestr., 27.

INTERNACIA PROPAGANDA KORESPOND-POŜTKARTO, seslingve kun belega bildo de nia majstro. Po 10 ekz. Sm. 0.15; po 50 ekz. Sm. 0.55; po 100 ekz. Sm. 0.90; 1000 ekz. Sm. 5.20, afrankite. Oni akceptas ankaŭ poŝtmarkojn ĉiunaciajn, transpagilojn kaj Espĉekojn. *Germana Esperanto-Librejo*, Sternwarte 40, Leipzig, Germanujo.

*La Administranto (Gérant) : DUVAL*
Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)

BORDEAUX-VINOJ

**Firmo Emile LAMI, Posedanto**
*BORDEAUX (Franclando)*

Vinoj de Tablo. Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo aŭ duonbarelo.
Vinoj Maljunaj. — Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo, duonbarelo, kvaronbarelo, aŭ per kesto, diversspeca.
*Likvoroj — Vinoj — Alkoholoj — Ĉampanoj.*
Sin turni al S-ro Arnoux, sola agento, 11, strato Chaligny, Paris (Franclando). Oni korespondas Esperante.

**Ĉampano por Samideanoj**
**FRANCA VINO**
*Speciala Marko por Esperantistoj*
Verda Etiketo, Blanka Etiketo
**L. HURINOWICZ**
en **WASSY** (Hte-Marne) Franclando
Agentoj kun bonegaj referencoj estas dezirataj en ĉiuj landoj.

## Okazo ne preterlasinda!

U. E. A. vendas
**Malnovajn ESPERANTIAJN MARKOJN**
(verdaj kun la portreto de D-ro Zamenhof, sur forta papero)
po **1 $ por 250 ekzempleroj**
*(anstataŭ 100), afrankite*
Rekomendinda propagandilo por niaj Delegitoj kaj membroj

## WÖRISHOFEN

**Akvo kaj Montaerokuracoj**
*(Metodo Kneipp)*

Aero-, suno kaj elektro banoj. Somero, kaj vintrosezono; 629 m. s. l. m. KLIMATO SUB-ALPA. Loĝejo kaj flegado je ĉiuj bezonoj, en sanatorio, institutoj, hoteloj, pensionoj kaj vilaoj. 2 horoj de München-Augsburg. Nombro de fremduloj en 1909 : 9311 personoj. Prospektoj kaj informoj per la KURVEREIN.

## Libertempo

agrabla, malkara, inter samideanoj en la plej bela regiono de la Rejna valo
**per Esperanto**
ĉar ekzistas esperantistaj pensionhoteloj, magazenoj, konsuloj, policanoj, kafejo, k. t. p. mallonge perfekta Esp. organizacio.
**en Godesberg a/Rhein**
*la Rejna Esperanto-Kolonio!*
Beleta ĝardenurbo kaj kuracloko apud Kolonjo. La aperinta gvidlibreto germane kaj esperante estas havebla por unu respondkupono de la Delegito de U. E. A.
Informpetojn adresu, aldonante respond-kuponon al Theod. OSTER, Del. de U. E. A., Godesberg.
**Studo per Ludo**, bonega esp. kartludo (vidu *Revuo*, majo 1910). Prezo afr. 0.70 Sm. Mendu kunsendante la monon al la Del. de U. E. A.

## PROPAGANDAJ FOTOGRAFAĴOJ

Ĉiuj Esperantistoj devas tuj mendi la novan eldonon de la poŝtkartoj kaj fotografaĵoj de la Esper. Gazetaro, eldonitan de la Esperantista Gruparo Berlina.
100 poŝtkartoj kostas . . . . 1.70 Sm.
10 fotografaĵoj (40 sur 30 cm) 3.75 —
Sin turni al S-ro SOSTMANN, Berlin, Nw. 87, Levetrowstr. 23.

## AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.
*La tuta Kolekto* (75 n° j), afrankite 4 $.
Sin turni al la Administrejo (10, rue de la Bourse, Genève).
*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

## ESPERANTAJ NOVAĴOJ

*OFICIALA JARLIBRO DE UNIVERSALA AŜOCIO.* — Kvara eldono, 2a serio. Aperinta la 17an de majo. Afranke : 30 Sd.
*JAPANAJ RAKONTOJ.* — Kunmetitaj de Ĉif Toŝio. 71 paĝ. 20 Sd., afranke 24 Sd.
*MARTA.* — Rakonto de Eliza Orzezko, traduko de D-ro L. L. Zamenhof. Belega volumo da 240 paĝoj. 1.40 Sm., afranke 1.70 Sm.
*LA BARBIRO DE SEVILLA.* — Komedio de Beaumarchais. Srad. Sam. Meyer, 40 Sd., afranke 45 Sd.

**Vortaroj**

*EMILE BOIRAC. — PLENA VORTARO ESPERANTO-ESPERANTA KAJ ESPERANTO-FRANCA.* La dua volumo jus aperis. Po volumo 1.80 Sm., afranke.
*KABE. — VORTARO DE ESPERANTO.* — Tute en Esperanto, kun tre precizaj klarigoj pri ĉiu vorto. Bindita 1.60 Sm., afranke 1.85 Sm.
*CH. VERAX. — ENCIKLOPEDIA VORTARETO ESPERANTA.* — 250 paĝ. Bindita 2.40 Sm., afranke 2.60 Sm.

**UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO**
Rue de la Bourse, 10, Genève (Svisujo).

**Granda Marko**
**"Ville de Paris"**
**INKOJ MIETTE**
*gluoj likvidaj, sigeloj*
**Jules MIETTE**
102, Rue Amelot, PARIS-XI

## HOTELO LOUIS-LE-GRAND

2, *rue Louis-Le-Grand, Paris.*

En belega loko, inter la Rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj Prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

## Bad Reichenhall

La perlo de la germanaj alpoj, *mondfama salakvo-banloko, klimata kuracloko.* Plej grandaj pneŭmataj ĉambroj kaj inhalacejoj de la mondo. Jara vizitado : pli ol 35.000 personoj. Sezono : Majo-Oktobro. Kuracado de *malsanoj de la spirorganoj*, astmo, emfisemo, *kormalsanoj, virinsekso*, skrofolo, rahito artrito, reŭmatismo, *resaniĝado. Riĉenhava amuzprogramo.* 250 kilometroj zorge bonstataj promenadvojoj en la tutan ĉarmegan ĉirkaŭaĵon. Gvidfoliojn oni bonvolu postuli de la Esperantista Grupo Bad Reichenhall.




**SANECO** estas *trezoro*, kiun oni konservas facile, kiam oni havas bonan stomakon. Skribu : 6, rue du Helder, *Paris.*

*La sola internacia signo estas :*
**la VERDA STELO "GASSE"**
(8a jaro).
kun ore skribita vorto "ESPERANTO" (déposée-registrita).

**REKONIGILO! PROPAGANDILO!**

Pingloj, broĉoj, kravataj pingletoj : 1 : Fr. **0 75.** 10 : Fr. **6.** — 100 : Fr. **45.** — afr. kaj rekom.
Ĉensignoj (kun duoblo faco) 1 : Fr. : **1 50**, 10 : Fr. **12.** — Afr. kaj rekon.
Konto kun Ĉekbanko.
Mendu ilin al via grupo, aŭ per simpla poŝtkarta mandato al Sinjoro Emilo Gasse, 55, rue Fred. Bellanger, Havro, Francujo, aŭ al subtenejoj : Belgujo : S-ro. O. Van Schoor, Vondelstr. Antverpeno. Britujo : Esp. Oficejo Liverpool. Germanujo : Moller et Borel, Berlin. Hispanujo : Manuel Fuentès Bidebarrieta, Bilbao. Rusujo : Moskva librejo Esperanto, Tverskaja 28. Moskvo.

**PARIS** EGLI'S HOTELO INTERNACIA
*11, rue Bachaumont (Bourse)*
Moderna, centre de Paris, proksime Louvre kaj Bulvardoj. 90 ĉambroj. Tre moderaj prezoj.
Svisa mastro.
Oni parolas Esperante.

3.000 membroj EN FREMDAJ LANDOJ — *Jara Kotizaĵo* 2 dolaroj (4 $)

Membroj havas la jenajn profitojn : Ricevi informojn el ĉiuj landoj. Konatiĝi antaŭ ol forveturi eksterlanden

**CHARTERED A.-D. - 1900**

**Sinjorinoj Sinjoroj** estas akceptataj por membreco. Prospektoj kontraŭ afrankpago (*senpage al la skeptikuloj*). Adresu leterojn kaj monon al **Sekretario de C. C. C.**

Korespondi en fremdaj lingvoj. Interŝanĝi revuojn, poŝtkartojn, poŝtmarkojn, fotografaĵojon, plantaĵojn insektojn, k. t. p.

**Milwauke, Wisconsin, U. S. A.**

**Vojo por aliĝi.** — 1. Skribu vian nomon kaj adreson (legeble) kun unu aŭ pluraj referencoj. — 2. Skribu la lingvojn, kiujn vi komprenas. — 3 Konigu la temon pri kiu vi deziras korespondi. — 4. Sendu la kotizaĵon (4 $) per ĉeko aŭ poŝtmandato. Via nomo estos enskribata kaj vi ricevos ĉiujn paperojn kaj ekz. de *Globe Trotter* kun la plena listo de l'membroj.

MEDIZINISCHE LICHT- & HERZ- u. NERVEN- **Heilanstalt-Kuracejo** por lumkuracado por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.

vormals : ROTES KREUZ — antaŭe : RUĜA KRUCO
*51 Luisenstrasse* **BERLIN NW. 6** *Telefono III, 3185*

**Sekcio por lumkuracado**
Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.
Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen

**Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj**
Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstatado de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj. Vibromasaĝo k. t. p.
La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim

Prospekto laŭ deziro — KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE. — Du kuracistoj — Direktoro : Dr. BREIGER

**Interesega apero en la esperanta literaturo!**
*GRAVEGA POR LA KOMERCISTARO!*

## DUOBLA LIBROTENADO « MONDSISTEMO »

de E. WUCHER
Prezo : **1,25** Sm. neafrankita. Havebla de Bigalke & Mohwinkel, Schlechnitzstr. 6, *Bromberg* (German.).

**50 Jara sukceso!**
**OSIJEKA VIZAĜPOMADO KAJ OSIJEKA SALVATOR-SAPO**
*forigas ŝprucmakulojn, kaj ĉian malpurajon de l'vizaĝo*
Malfalsa sole nur en la Salvator apoteko

SALVATOR-APOTHEKE · SCHUTZMARKE · DIENES ESSEG

## J.-C. DIENEŠ, OSIJEK (Essegg) (Kroatujo)

1 vazeto da osijeka vizaĝpomado kostas po 70 heleroj kaj po 1 Krono (1 Krono = 100 h. = 42 spesdekoj); 1 peco da Salvator-sapo 1 K. Unu vazeto da manŝmiraĵo 1 K. 20 h. Lyona pudro, malgranda skatolo 1 K. granda skatolo 2 K. Tiuj ĉi rimedoj ne havas domaĝajn konsistaĵojn kaj tutege respondas al la regularo de la alta registaro.

KIAL ESTAS UZOTA NUR
**"MIRANDA-KREMO"?**
Ĉar *Miranda*-Kremo estas perfekte nedomaĝa, ĉar per « **Miranda-Kremo** » **oni atingas idealan belecon**, ĉar *Miranda*-Kremo forigas ĉian malpuraĵon de la haŭto, ĉar *Miranda*-Kremo ne nur **plibeligas**, sed ankaŭ **junigas**. Unu vazeto da « **Miranda** » **Kremo** kostas 1 K. Unu skatolo da « **Miranda-pudro** » (trikolora) 1 K. unu peco da « **Miranda** » **sapo** 70 h.
Ricevebla ĉe la produktanto **J.-C. DIENEŜ**, post Osijek, supera urbo, de kie mendoj per poŝtpaĝo tuj efektiviĝas

La korespondado kun la **Salvator-Apoteko**, de **J.-C. Dienes** estas ankaŭ en la lingvo **Esperanto** krom la lingvoj germana, angla, franca, itala, latina, kroata, serba, aliaj slavaj lingvoj kaj la magyara.
La korespondanto de firmo J.-C. Dienes estas Drag. Mirko Kaniĉar, Delegito U. E. A.

Tiu ĉi **SVEDA RAZILO** kostas
1 po 1.92 $
2 — 3.30
3 — 4.12 afrankite
*Vidu la antaŭajn anoncojn en la gazeto.*
John **BYHLIGER, HEDEMORA (Svedujo)**

**Bonvolu atenti firmon kaj markon!**

Pensantaj homoj elektas kiel sian ĉiu tagan trinkaĵon ekfreŝigantan la nutrajn.
**Senalkoholajn Wormsajn Nektar-Vinojn**
*(vinber- kaj fruktmostoj)*
Prezaron senpage kaj afrankite per
**NEKTAR WORMS a/Rh. N° 248** (Germanujo).

*DETRANĈU KAJ SENDU PLEJ RAPIDE AL*
**ESPERANTIO, 10, rue de la Bourse, GENÈVE** (Svisujo)

## 1a KONGRESO DE U. E. A.

AUGSBURG — *28 Julio - 3 Aŭgusto*

### ALIĜILO

La subskribinto mendas (1).

| | | Sm | |
|---|---|---|---|
| ........ Karto(j)n de Kongresano | ( 3 Sm). | | |
| ........ Karto(j)n de Helpkongresano | ( 1 Sm). | | |
| ........ Kuponaro(j)n de Ia Klaso (2) | (23 Sm). | | |
| ........ Kuponaro(j)n de IIa Klaso (2) | (20 Sm). | | |
| ........ Kuponaro(j)n de IIIa Klaso (2) | (18 Sm). | | |
| ........ Oficialan Jarlibron de U. E. A. | (0.30 Sm). | | |
| ........ Kolekton de gvidfolioj | (0.25 Sm). | | |
| ........ Oficiala(jn) insigno(j)n | (0.36 Sm). | | |
| ........ Esperantiajn Markojn | | | |
| ........ Karto(j)n de Kongresano de TEKA | (1 Sm). | | |

Kaj kunsendas per poŝtmandato (1).......
Ĉeko (1) — Bankbileto (1) — la sumon da....

Nomo (tre legeble) ..............
Antaŭnomo: ..............
Adreso : ..............
Urbo : ..............

(1) Surstreku tion, kio ne taŭgas.
(2) La kuponaro enhavas : loĝadon dum 6 noktoj kun frua matenmanĝo, partoprenon ĉe la malferma kaj festenoj, komunajn tag- kaj vespermanĝojn dum la tuta kongreso, ekskurson al la reĝaj kasteloj de Neuschwanstein (kunĵvojaĝo, vizito de la kasteloj kaj komuna manĝo).

ĴUS APERIS :
## La Verko de Zamenhof

*Parolado de* **H. HODLER**, *Vicprezidanto de U. E. A.*
1 ekz. afr. 8 Sd.; 3 ekz. 22 Sd.; 12 ekz. 72 Sd.; 24 ekz. — **$ 1.20**
**UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO**
*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo).*

## LINGVO INTERNACIA

*CENTRA ORGANO DE LA ESPERANTISTOJ*
eliranta inter la 15. kaj la 20. de ĉiu monato
**LA PLEJ MALNOVA EL ĈIUJ GAZETOJ ESPERANTISTAJ**
FONDITA EN 1895

**La plej enhavoriĉa!** **48** paĝoj da dense presita teksto en plej korekta kaj plej klasika stilo.

**La plej malkara!** **5** fr. (2 $) abonprezo por UNU JARO

## BAD-REICHENHALL en la germanaj Alpoj

## VILAO CONTINENTAL

Plej bela, kvieta kaj senpolva altaĵloko. Ĉirkaŭata per ombraj ĝardenoj. Belega vidaĵo al la montaro kaj urbo. 40 elegantaj meblitaj ĉambroj kun 60 litoj kaj 25 balkonoj. Banoj en ĉiu etaĝo. Elektra lumo. Bonegaj manĝaĵoj. Puraj vinoj. Granda bela manĝoĉambro.
POSEDANTO : **Schwartz.** TELEGRAMADRESO : **Continental**
*ONI PAROLAS ESPERANTE*

## GRAVA AVIZO!...

Gesamideanoj,
Jen alvenas la Jubileo. Por ĝin festi, ĉiuj, ĉiuj, ornamu viajn fenestrojn per esperantista flago.



Pri tio petu la senpagan ilustritan prezaron de flagoj Esperantaj kaj divernaciaj al la Firmo
**Cuzon**, 52, rue de Paris Charenton, (Seine), France.

**F. Emil Boden, Dresden (Saksujo)**
**Bismarckplaco 12**
Esperantista Eldonejo :: Esperantista Librejo
Esperantista Presejo :: Artista Presejo ::

Atentu! La mendojn ni nur povas plenumi kontraŭ antaŭsendo aŭ pagoŝarĝo de la mono. Je antaŭpago ni petas aldoni 5 %, de la sumo por niaj sendkostoj.

Laŭmetoda, detala **Lernlibro de Esperanto**, verkita de Karl Schönherr, instruisto. 7a eldono . . . . M 1.75
**Lexikon deutscher Redensarten**, ellaborita kaj en Esperanton tradukita de rektoro Wilh. Velten kaj R. Richter. Broŝurita M 2.50, bele bindita . . „ 3.—
**Malgranda kantareto** (kun notoj) . . . . . . . . „ 0.50
**Dr. Zamenhofs Tabelle der Formwörter**, verkita de rektoro Wilh. Velten . . . . . . . . . . „ 0.40